Esperanto Movado estas ankoraŭ malforta. Tiuj streboj ne restas senfruktaj: en la Afrika kontinento floras nuntempe nia afero kaj rapide kreskiĝas la intereso pri Esperanto, eĉ pli grandskale ol en Eŭropo mem, male ol en pasintaj epokoj. Ŝajnas ke sufiĉe influas en tiu fakto la disvastiĝo de interreto en tiu kontinento. Ankaŭ en Ameriko progresas la Esperanto Movado: ekde la 1a de aŭgusto ĉi-jare funkcias en San Paŭlo (Brazilo) la **Amerika Oficejo** de Universala Esperanto Asocio.

La kongresaj programeroj, pri kiuj mi raportas, ne estas prezentataj laŭ la kronologia ordo de ilia okaziĝo. Mi grupigas ilin laŭ la tipo je akto. Tiuj, kiujn mi pritraktis ĝis nun, apartenas al la tipo **pri** kaj **pro** Esperanto. Sekve mi pritemos tiujn aktojn, konferencojn k.s. kiuj povas esti grupigataj sub la titolo **per**Esperantaj, t.e. ke ili estis traktitaj pere de la Internacia Lingvo sed ne rilatas al la Esperantista Movado sed al ĉiu ajn afero de la homa vivo, kaj per ties pritraktado pere de Esperanto oni emfazas la utilon de tiu internacia lingvo por lingve alfronti ĉiun ajn aspekton de la monda realaĵo. En iuj kazoj, mia raporto estas nur skema; tio okazas kiam mi ne ĉeestis la koncernan akton. Fakte, neniu kongresist(in)o povas partopreni en ĉiuj kongreseroj ĉar ofte pluraj prelegoj okazas samtempe.

Sekve mi priskribos serion da prelegoj aŭ kursoj enkadrigitaj en t.n. **Internacia Kongresa Universitato**. Tiutipaj aktoj okazas jam de antaŭ longe en niaj Universalaj Kongresoj de Esperanto; ĉi-jare estis jam la 56a sesio de tiu Kongresa Universitato.

Tiu Kongresa aranĝo celas kontribui al scienca edukado en Esperanto. Simile al la unika rolo de Esperanto en la soci-kulturo de lingvoj, la universitat-nivela instruado de sciencaj temoj en Esperanto povas havi unikan rolon en la scienca kaj eduka mondo. La rolo de Esperanto en la scienco kaj en universitata instruado iom

en el continente africano florece actualmente nuestro asunto y crece rápidamente el interés por el Esperanto, incluso a una escala más grande que en la propia Europa, al contrario de lo que ocurría en épocas pasadas. Parace que influye bastante en eso la difusión de internet en ese continente. También en América progresa el Mov. Esperantista: desde el 1 de agosto de este año funciona en Sao Paulo (Brasil) la **Oficina Americana** de la Asociación Universal de Esperanto.

Los actos congresuales que estoy describiendo no aparecen en el orden cronológico en que tuvieron lugar. Los voy agrupando según el tipo de acto. Los que describí hasta ahora pertenecen al tipo de **acerca** y **en provecho** del Esperanto. A continuación trataré aquellos actos, conferencias y demás que se pueden agrupar como **por medio** del Esperanto, es decir, que fueron tratados por medio de la Lengua Internacional pero no se refieren al Movimiento Esperantista sino a todo tipo de asuntos de la vida humana, y por su tratamiento por medio del Esperanto se enfatiza la utilidad de ese idioma internacional para afrontar lingüísticamente cualquier aspecto de la realidad mundial. En algunos casos, mi reportaje es sólo esquemático; eso ocurre cuando no asistí al acto correspondiente. De hecho, ningún congresista puede participar en todos los actos congresuales ya que a menudo ocurre que tienen lugar a la vez varias conferencias.

A continuación describiré una serie de conferencias o cursos encuadrados en lo que se llama la **Universidad Congresual Internacional**. Ese tipo de actos tienen ya una larga trayectoria en nuestros Congresos Universales de Esperanto; este año fue ya la 56ª sesión de esa Universidad Congresual.

Ese elemento del Congreso pretende contribuir a la formación científica en Esperanto. De una manera similar al papel único del Esperanto en la cultura social de idiomas, la formación a nivel universitario de temas científicos en Esperanto puede tener un papel único en el mundo de la ciencia y la educación. El papel del Esperanto en la ciencia y en la formación universitaria es de alguna manera paralela a su papel

paralelas al ĝia rolo en la pli ĝenerala lingva problemo tutmonda. La nuntempa scienca kaj akademia mondo pli kaj pli uzas la anglan kiel laborlingvon kaj por internaciaj kaj ofte ankaŭ naciaj aranĝoj. Tio tamen ofte malhelpas la progreson de la scienco, kiu bezonas liberan interŝanĝon de scioj kaj spertoj sur la persona nivelo. Sciencistoj el ne-angleparolantaj landoj ofte spertas la lingvajn barojn kiam ili provas raporti pri sia esploro en internaciaj forumoj. Kontraŭe, universitata instruado kutime okazas en la nacia lingvo, kaj ekzistas do lingva breĉo inter la instrua kaj labor-konferenca niveloj. Tiujn malavantaĝojn povas solvi Esperanto kiel internacia komunika lingvo.

En la Kongresa Universitato de la nuna jaro estis jenaj profesoroj kaj kursoj:

**Hans Michael Maitzen** aŭstra profesoro en la instituto por astronomio de la Universitato de Vieno. Scienca kunlaboranto en la astronomia instituto de la Universitato de Bochum (1969-1976). Membro de Internacia Astronomia Unuiĝo, de la Eŭropa Astronomia Societo kaj de la Astronomia Societo centrita en Germanio. Esperantisto ekde 1961. Kurso: **De U K Malmö (1948) ĝis Gotenburgo (2003): la eksplodo de la astronomia scio dum duonjarcento.** Okazas ke dum la kongresa universitato de Universala Kongreso Malmö la sveda astronomo kaj esperantisto profesoro Knut Lundmark prezentis panoramon de la tiama scio pri la universo sub la titolo "Astronomiaj sensacioj". Nun, post iom pli ol duonjarcento, oni prezentas la kolosan akiritan scion pri tiu temo laŭlonge de tiu periodo: la demandon pri la origino de nia universo kaj la fortoj ĝin regantaj, pri la estiĝo de nia galaksio, la naskiĝo de nia sunsistemo kun ties planedoj, la ekzisto de aliaj civilizacioj kaj la futuro de la vivo sur nia Tero influota kaj de la aktiveco de la Suno kaj de kolizioj kun astretoj de nia planeda sistemo (asteroidoj kaj kometoj).

en el más general problema lingüístico a nivel mundial. La ciencia y el mundo académico actuales usan cada vez más el inglés como lengua de trabajo y para cosas organizadas a nivel internacional y a menudo también a nivel nacional. Sin embargo eso a menudo entorpece el progreso de la ciencia, que necesita el libre intercambio de conocimientos y experiencias a nivel personal. Los científicos de países no angloparlantes a menudo perciben las barreras lingüísticas cuando intentan informar sobre su investigación en foros internacionales. Por el contrario, la formación universitaria suele tener lugar en la lengua nacional, y existe por tanto una brecha lingüística entre el nivel de enseñanza y el de las conferencias de trabajo. Esas desventajas las puede resolver el Esperanto como lengua internacional de comunicación.

He aquí los profesores y cursos de la Universidad congresual de este año:

**Hans Michael Maitzen** profesor austríaco en el instituto astronómico de la Universidad de Viena. Colaborador científico en el instituto astronómico de la Universidad de Bochum (1969-1976). Miembro de la Unión Astronómica Internacional, de la Sociedad Europea de Astronomía y de la Sociedad Astronómica de Alemania. Esperantista desde 1961. Curso: **Del C. U. de Malmó (1948) hasta Gotenburgo (2003): la explosión del conocimiento astronómico durante medio siglo**. Resulta que en la universidad del Congreso Universal de Malmö, el astrónomo sueco y esperantista, profesor Knut Lundmark presentó un panorama del conocimiento que entonces se tenía sobre el universo bajo el título "Sensaciones astronómicas". Ahora, tras algo más de medio siglo, se hace una balance del colosal conocimiento adquirido sobre ese tema a lo largo de ese período: la cuestión del origen de nuestro universo y las fuerzas que lo rigen, la formación de nuestra galaxia, el nacimiento de nuestro sistema solar con sus planetas, la existencia de otras civilizaciones y el futuro de la vida sobre nuestra Tierra bajo la influencia y la actividad del Sol y de colisiones con pequeños astros de nuestro sistema planetario (asteroides y cometas).

**Lee, Chong-Yeong** de Korea, doctor de Eco-

**Lee, Chong-Yeong** el Koreujo, doktoro pri Komerca Ekonomiko. Eksa Ĉefo de la Merkatuma Grupo de la Nutraĵa kaj Agrikultura Organizaĵo (FAO) de UN, Emerita profesoro de Kyongpuk Ŝtata Universitato, Koreujo. Eksa Prezidanto de UEA (1995-98) kaj nuna vicprezidanto de UEA ekde la jaro 2001.
Kurso: **Ekonomia tutmondiĝo - Ĉu oportuno aŭ minaco?** Ĝi temis pri la baza teorio kaj la politika ekonomiko de internacia komerco, kun atento al la avantaĝojn kaj malavantaĝojn de la ekonomia tutmondiĝo en tri aspektoj: monda komerco, alilanda investado kaj kapitalmerkato. La teksto de tiu Konferenco estis dissendita de Ĉina Radio Internacia, kaj ĝi estas elprenebla de ties interreta paĝo: **http://esperanto.cri.com.cn/esperanto/Aug/152812.htm**
**Eva-Paralkeva Bojagieva** bulgarino. Diplomiĝis pri kemio kaj fiziko, kaj poste ankaŭ pri analiza kemio kaj pri medicina biokemio. Instruas biokemion al studentoj pri medicino kaj stomatologio en la Plovdiva Medicina Universitato. Kurso: **Komunikado tra la ĉelaj membranoj**. Altnivela leciono pri tiuj materioj: (bio)kemio, medicino... pri kiu tiom spertas tiu profesorino, kaj taŭga nur por specialistoj pri tiaj aferoj.
**Detlev Blanke,** germano. Per doktoriĝo (en 1976) kaj profesornivela instrurajtiĝo/habilitacio (en 1985) disvastigis interlingvistikon en GDR, instruas ĝin en Humboldt-Universitato de Berlin. Organizas multajn sciencajn kaj esperantistajn aranĝojn. Kurso: **La interlingvistikaj konceptoj de Wilhelm Ostwald (1853-1932) okaze de la 150-datreveno de lia naskiĝo.** La germana Nobel-premiito (1909) Wilhelm Ostwald estis kunfondinto de la fizika kemio, fundamentis diversajn (elektro)kemiain procedojn, evoluigis la modernan teorion pri koloroj, influis konceptojn de la naturfilozofio kaj faris gra-

nomía Comercial. Fue Jefe del Grupo Mercantil de la Organización sobre Alimentación y Agricultura (FAO) de la ONU, Profesor emérito de la Universidad Estatal de Kyongpuk, Corea. Fue Presidente de 1995 a 1998, y actualmente es vicepresidente de la Asociación Universal de Esperanto desde el año 2001.
Curso: **Globalización económica - ¿una oportunidad o una amenaza?** Trató sobre la teoría básica y la economía política del comercio internacional, con atención a las ventajas y desventajas de la globalización económica en tres aspectos: comercio mundial, inversión en otros países y mercado de capitales. El texto de esa conferencia fue emitido por la Radio China Internacional, y es accesible en la página de internet de esa emisora de radio: **http://esperanto.cri.com.cn/esperanto/Aug/152812.htm**
**Eva-Paralkeva Bojagieva** búlgara. Se diplomó sobre química y física, y después también sobre química analítica y bioquímica médica. Enseña bioquímica a estudiantes de medicina y estomatología en la Universidad Médica de Plovdiv. Curso: **Comunicación a través de las membranas celulares**. Una lección de alto nivel sobre esas materias: (bio)química, medicina... en la que es tan experta esa profesora, y útil sólo para especialistas de tales temas.
**Detlev Blanke** alemán. Doctorado en 1976, y habilitado con autorización de enseñanza a nivel de profesorado en 1985, se dedicó a difundir interlingüística en la RDA, actualmente la enseña en la Universidad Humboldt de Berlin. Organiza muchos actos científicos y esperantistas. Curso: **Los conceptos interlingüísticos de Wilhelm Ostwald (1853-1932) con ocasión del 150 aniversario de su nacimiento.** El premio Nóbel (1909) alemán Wilhelm Ostwald fue cofundador de la química física, fundamentó diversos procedimientos (electro)químicos, hizo evolucionar la moderna teoría de los colores, influyó conceptos de la filosofía de la naturaleza y realizó una importante labor de organización para introducir resultados científicos y conceptos en la práctica. Como científico de pensamiento global sobre la base de su concepto acerca del "imperativo energético" ("!No se

van organizan laboron por enkonduki sciencajn rezultojn kaj konceptojn en la praktikon. Kiel tutmondisme pensanta sciencisto surbaze de lia koncepto pri la "energetika imperativo" ("Ne disipu energion, utiligu ĝin!") li sin engaĝis i.a. por internacia universitato, tutmonda mono, nova monda kalendaro, monda formato por presaĵoj kaj por mondlingvo. Li unue pledis por Esperanto (poste kritikis ĝin) kaj favoris Idon. Ostwald refutis la siatempajn dogmojn pri "artefariteco" en la historie orientita lingvistiko, favoris aktivan lingvo-evoluigon, proksiman al lingvo-planado kaj jam frue avertis kontraŭ la negativaj sekvoj de la hegemonía rolo de la angla. Multaj el liaj interlingvistikaj Konceptoj restas aktualaj.

**Oriando E.Raola**, usonano. Magistro pri Sciencoj (Kemio), Universitato Santa Barbara, Kalifornio, Usono. Kurso: **Nanoskalaj duonkondukiloj: Kemia prilaborado de materialoj por estonta elektroniko.** Bazite sur la teorioj de la usona sciencisto Rikardo Fejnman, Nobelpremiito pri Fiziko en 1965, kiu opiniis ke la fizikaj principoj ne malebligas prilabori aĵojn poatome. Ĝi estas io principe farebla, sed ankoraŭ ne solvita en la praktiko. La problemoj de kemio kaj biologio povas esti ege helpataj se nia kapablo vidi kion ni faras kaj manipuli aĵojn atomskale estas finfine evoluigita.

**Marjorie Boulton** (1924), anglino. Filologino kaj doktorino pri la angla literaturo. Ŝi abunde verkis en Esperanto kaj en la angla. Akademiano kaj Honora Membro de UEA. Kurso: **Manksio: eta lando aŭtonomeca kun propra lingvo kaj kulturo.** Manksio (angle: Isle of Man) estas insulo kun areo de nur 572 kvadratkilometroj inter Norda Irlando kaj Anglio. La kurso temis pri la specifa karaktero de tiu eta ŝtato: malgraŭ kelkaj konstituciaj ligoj kun Britio, la insulo estas aparta ento. Ĝi havas propran parlamenton kaj leĝaron, flagon, poŝtmarkojn, valuton kaj lingvon, disipe energía, utilícese!") se comprometió, entre otras cosas, por una universida internacional, una moneda mundial, un nuevo calendario mundial, un formato mundial para impresos y una lengua mundial. Primero abogó por el Esperanto (después lo crititicó) y favoreció el Ido. Ostwald refutó los dogmas de su época acerca de la "artificialidad" en la lingüística históricamente orientada, favoreció una evolución activa de la lengua, próxima a la planificación lingüística y ya pronto advirtió contra las consecuencias negativas del papel hegemónico del inglés. Muchos de sus conceptos interlingüísticos permanecen actuales.

**Oriando ERaola**, norteamericano. Licenciado en Ciencias (Química), Universidad de Santa Barbara, California, EE.UU. Curso: **Semiconductores microscópicos: Elaboración química de materiales para la electrónica futura** Basado en las teorías del científico norteamericano Richard Fejnman, premio Nobel de Física en 1965, que opinaba que los principios físicos no niegan la posibilidad de manejar las cosas a nivel de átomo. Es algo factible en principio, pero aún no resuelto en la práctica. En los problemas de química y biología sería de mucha ayuda el que nuestra capacidad de ver lo que hacemos y de manipular las cosas a escala atómica llegase finalmente a evolucionar.

**Marjorie Boulton** (1924), inglesa. Filóloga y doctora en literatura inglesa. Escribió muchas obras en Esperanto y en inglés. Académica y miembro Honorario de la Asociación Universal de Esperanto. Kurso: **Isla de Man: pequeño país autónomo con lengua y cultura propias** Mankse (angle: Isle of Man) es una isla con una superficie de sólo 572 kilómetros cuadrados entre Irlanda del Norte e Inglaterra. El curso trató sobre el carácter específico de ese pequeño Estado: a pesar de algunas relaciones constitucionales con Gran Bretaña, la isla es una entidad aparte. Tiene un parlamento y una legislación propios, así como su bandera, sellos de correos, moneda e idioma, aunque todos los habitantes de la isla aceptan también libras esterlinas y hablan el inglés. La industria turística tiene bastante importancia para la economía. A los manksos les gusta conservar las diferencias

kvankam ĉiuj manksoj ankaŭ akceptas sterlingojn kaj parolas angle. La turisma industrio sufiĉe gravas por la ekonomio. La manksoj emas konservi diferencojn diversrilatajn, tiel ke la vizitanto konstante sentas tiun interesan fremdecon. La insulo estas tre bela kaj varia pejzaĝe kaj nature, kaj ĝi havas propran kulturon lingvan, literaturan, historian, folkloran... eĉ gastronomian. Naciismo en nacio tiel ĉarme malgrandskala devas esti realisma kaj povas esti sana.

**Christer Kiselman**, svedo. Matematikisto. Membro de la sveda delegitaro por la matematiko. Li verkis pri la gramatiko kaj historio de Esperanto, kaj ankaŭ pri la faka sveda lingvo en la kampoj de matematiko, tekniko kaj natursciencoj. Li estas honora doktoro en la Universitato Paul Sabatier (Tuluzo) kaj membras en pluraj akademioj, i.a. tiu de Esperanto, el kiu estas unu el la du vicprezidantoj. Kurso: **La geometrio de la komputila ekrano.** La diferencoj inter la tradicia geometrio kaj tiu, kiu realiĝas sur komputila ekrano estas vidata kaj esprimata de matematikisto tiele resumita: Rektojn kaj ebenojn oni studis dum du mil jaroj. Kurboj kiaj cirkloj, elipsoj, paraboloj kaj hiperboloj estis studataj preskaŭ same longe. Gravas tiam la ebleco desegni kurbojn sur papero. La videbligo per desegnaĵoj multe helpas al la perceptado de ĉiaj geometriaj objektoj. Sed nuntempe oni pli kaj pli uzas komputilojn por videbligi aferojn, kaj sur la ekrano ĉiu figuro konsistas el finia nombro da bilderoj. Tio signifas ke ludas rolon kiel koordinatoj ne plu la realaj nombroj kiel ĉe Kartezio, sed la entjeraj nombroj, servantaj kiel adresoj de la bilderoj. Tio ankaŭ signifas ke la geometrio de la komputila ekrano ne estas tiu de Eŭklido, koordinatizita de Kartezio, sed tute alia, nome la digita geometrio. Oni povus pensi ke la digita geometrio estas ia proksimumado de la eŭklida, sed pli profunde rigardate ĝi estas tute memstara kaj ekzak-

sobre varios aspectos, de manera que el visitante constantemente percibe ese interesante exotismo. La isla es muy bella y con un paisaje y una naturaleza variados, y tiene su propia cultura lingüística, literaria, histórica, folclórica... e incluso gastronómica. El nacionalismo en una nación de tan encantadora pequeña escala debe ser realista y puede ser sano.

**Christer Kiselman**, sueco. Matemático. Miembro de la delegación sueca para las matemáticas. Escribió obras sobre la gramática e historia del Esperanto, y también sobre la especialización de la lengua sueca en los campo de las matemáticas, la técnica y las ciencias naturales. Es doctor honorario en la Universidad Paul Sabatier (Toulouse) y miembro de varias academias, entre ellas la Academia de Esperanto de la cual es uno de los dos vicepresidentes. Curso: **La geometría de la pantalla del ordenador.** Las diferencias entre la geometría tradicional y la que se concreta sobre la pantalla del ordenador son contempladas y espresadas de forma resumida por un matemático de la siguiente manera: Rectas y superficies se vienen estudiando desde hace dos mil años. Curvas tales como círculos, elipses, parábolas e hipérbolas vienen siendo estudiadas desde hace casi tanto tiempo. Tiene por tanto importancia la posibilidad de dibujar curvas sobre el papel. La presentación por medio de dibujos ayuda mucho a la percepción de todo tipo de objetos geométricos. Pero actualmente se usan cada vez más los ordenadores para presentar las cosas, y sobre la pantalla cada figura consiste en una cantidad definida elementos visuales. Eso significa que ya no juegan un papel como coordenadas los números reales como en la geometría cartesiana, sino los números enteros, que sirven como direcciones de los elementos visuales. Eso significa también que la geometría de la pantalla del ordenador no es la de Euclides, afectada por las coordenadas de Descartes, sino una totalmente distinta, conocida como geometría digital. Se puede pensar que la geometría digital es una forma de aproximación a la euclídea, pero mirándolo más profundamente es totalmente autónoma y exacta. Sin embargo pone en tensión nuestra intuición. Por ejemplo,

ta. Tamen ĝi streĉas nian intuicion. Ekzemple, kiel kurbo povas konsisti el finia nombro da punktoj? Kiajn ecojn rilate al kontinueco povas havi tia kurbo? en ĝi povas enfermi punktojn? En tiu lekcio oni klopodis klarigi kaj ilustri tiujn kaj aliajn aspektojn de la digita geometrio.

**Leif Nordenstorm**, svedo. Li komencis studi en Upsala universitato en 1979, kie li fariĝis membro de tiea Esperanto-Societo. Pastriĝis en 1986 kaj doktoriĝis en 2002. Estis redaktoro de *Kontakto* kaj de la sveda Esperanto-revuo *La Espero* dum kelkaj jaroj. Kurso: **Ĉu ĉiuj religioj estas sinkretismaj?** "Sinkretismo" signifas kunigon de diversoriginaj ideoj, tezoj aŭ kredoj en novan doktrinon. Ĉu ĉiuj religioj estas sinkretismaj, ĉar ĉiuj religioj konsistas el kunigo de diversoriginaj ideoj? Kristanismo ekzemple konsistas el ideoj ĉefe el judaismo, sed ankaŭ el zoroastrismo kaj greka filozoflo, plus unikaj ideoj de Jesuo. Judaismo siavice konsistas el ideoj el prasemida religio, zoroastrismo kaj el elementoj unikaj por judaismo. Ĉiuj religioj do estas miksaĵoj. Religisciencistoj nuntempe malofte uzas la vorton "sinkretismo". Se oni uzas ĝin oni konscias ke ĝi fakte signifas: "religio tiel nova ke oni scias de kie venas ĝiaj ideoj". Oni povas kompari tion al Esperanto, kiu estas tiel nova lingvo, ke oni klare povas scii kiel ĝi ekestis. Tion oni ne scias pri malnova lingvo kiel ekzemple la ĉina. Por la kredanto estas tute neinterese ĉu sciencisto opinias ke lia religio estas sinkretisma aŭ ne. Nova religio, same bone kiel malnova, povas doni respondojn al demandoj pri la vivo kaj la postvivo. Novaj religioj ekestis en preskaŭ ĉiuj landoj, sed precipe en Japanio, kie estas pli ol kvarcent 'novaj' religioj, kiuj ekestis post 1800. Multaj el ili enhavas elementojn de ŝintoismo, budhismo, konfuceanismo, taoismo, bahaismo kaj kristanismo kaj ankaŭ okcidentaj ideologioj kiel ekzemple komunismo kaj

¿cómo una curva puede consistir en una cantidad definida de puntos? ¿Qué propiedades de continuidad puede tener tal curva? ¿puede contener puntos dentro de sí? En esa lección se procuró clarificar e ilustrar esos y otros aspectos de la geometría digital.

**Leif Nordenstorm**, sueco. Comenzó a estudiar en la universidad de Upsala 1979, donde se hizo miembro del Grupo de Esperanto de esa ciudad. Fue ordenado sacerdote en 1986 y se doctoró en 2002. Fue redactor de la revista *Kontakto* y de la revista sueca de Esperanto *La Espero* durante algunos años.

Curso: **¿Son sincretistas todas las religiones?** "Sincretismo" significa reunión de ideas, tesis o credos de diverso origen, en una nueva doctrina. ¿Son sincretistas todas las religiones, ya que todas ellas consisten en la reunión de ideas de diverso origen? Por ejemplo el Cristianismo consiste en ideas principalmente del judaísmo, pero también del zoroastrismo y de la filosofía griega, más ideas únicas de Jesús. El Judaísmo a su vez consiste en ideas de una religión semítica antigua, del zoroastrismo y de elementos únicos para judaísmo. Por tanto todas las religiones son mezclas. Los científicos sobre materia religiosa actualmente muy poco a menudo usan la palabra "sincretismo". Si se usa se sobreentiende que de hecho significa: "una religión tan nueva que se sabe de donde vienen sus ideas". Se puede comparar eso al Esperanto, que es un idioma tan nuevo, que se puede saber claramente como empezó. Eso no se sabe de una lengua antigua como por ejemplo la china. Para el creyente carece de interés si un científico opina que su religión es sincretista o no. Una religión nueva, lo mismo que una antigua, puede dar respuestas a preguntas sobre la vida y después de la vida. Religiones nuevas aparecieron en casi todos los países, pero principalmente en Japón, donde hay más de cuatrocientas religiones 'nuevas', que aparecieron después del año 1800. Muchas de ellas contienen elementos del sintoismo, budismo, konfucianismo, taoismo, bahaismo y cristianismo y también ideologías occidentales como por ejemplo el comunismo y homaranismo. El curso impartido por el sacerdote Nordenstorm des-

homaranismo. La kurso gvidita de pastro Nordenstorm disvolvigis tiujn ideojn.

**Meredith Simon,** kanadanino. Klinika profesorino pri medicino en la Universitato de Calgary en Alberta, Kanado. En 1979 Ŝi doktoriĝis pri medicino ĉe la Universitato de Calgary. Kurso: **Instruado de efikaj komunikaj kapabloj al medicinaj studentoj.** La metodojn priskribitajn en la prelego ŝi jam instruis al medicina profesoroj de progresivaj universitatoj en Svedio, Britio, Nederlando kaj Ĉilio. En la Universitato de Calgary oni enkondukas novajn metodojn por la instruado de interparolaj kapabloj al la medicinaj studentoj. Oni celas tiamaniere antaŭenigi la efikan komunikadon inter kuracistoj kaj pacientoj, ĉar sciencaj esploroj elmontras ke la disvolvigo de metodoj kiuj emfazas la interrilatajn aspektojn de medicinaj interparoloj sekvigas ne nur plej favorajn sanajn rezultojn, sed ankaŭ pli da kontentigo kaj por la paciento kaj por la kuracisto. La prelego konsistis el prezento de la menciitaj interparolaj metodoj kiuj elmontras kiel kaj kial tiuj ĉi teknikoj estas bonfaraj. Sekvis elmontroj unue de la tradicia interparolo kie ĉefrolas la kuracisto, poste de la pli pacientoorientita alirmetodo.

Oni povas konstati ke la Kongresa Universitato kaj ĝenerale ĉiuj prelegoj de la kongreso evidentigis altan kvalitan nivelon. Mi ne povas meti finon al tiu ĉi raporto sen la mencio pri la **Kongresa Temo**. Ĉiu Universala Kongreso de Esperanto havas sian specialan temon. La ĉijara Kongresa Temo estis: ***Lingvaj rajtoj kaj respondecoj***. Kunlige kun la temo, oni invitis la francan profesoron Charles Durand, de la Teknologia Universitato de Belfort-Montbeliard, kiu tre emfazis la efikon de la unulingveco de la internacia mondo, en kiu la angla lingvo forpuŝas ĉiujn aliajn lingvojn. La temo enportas serion da demandoj, ekzemple kio estas

arrolló esas ideas.

**Meredith Simon,** canadiense. Profesora Clínica de Medicina en la Universidad de Calgary en Alberta, Canadá. En 1979 se doctoró en medicina en la Universidad de Calgary. Curso: **Enseñanza de capacidades de comunicación eficaces a estudiantes de medicina.** Los métodos descritos en la conferencia ya habían sido mostrados por ella a profesores médicos de universidades progresivas en Suecia, Gran Bretaña, Holanda y Chile. En la Universidad de Calgary se introducen nuevos métodos para la enseñanza de capacidades de conversación a los estudiantes de medicina. Se pretende de esa manera hacer avanzar la comunicación eficaz entre médicos y pacientes, ya que las investigaciones científicas demuestran que el desarrollo de métodos que ponen su énfasis en los aspectos de interrelación de las conversaciones sobre medicina originan no sólo unos más favorables resultados de sanidad, sino también más satisfacción tanto para el paciente como para el médico. La conferencia consiste en la presentación de los mencionados métodos de conversación que enseñan cómo y porqué estas técnicas son benéficas. Siguieron presentaciones primero de la conversación tradicional donde el médico es el principal protagonista, después del método de acceso más orientado al paciente.

Como se puede ver, la Universidad congresual y en general todas las conferencias de congreso pusieron de relieve un alto nivel de calidad. No puedo terminar este reportaje sen mencionar el **Tema Congresual**. Cada Congreso Universal de Esperanto tiene su tema especial. El Tema Congresual de este año fue: ***Derechos y responsabilidades Lingüísticas***. En relación con el tema, se invitó al profesor francés, Charles Durand, de la Universidad Tecnológica de Belfort-Montbeliard, quien señaló con énfasis la eficacia del monolingüismo internacionalmente, donde el inglés desplaza a las demás lenguas. El tema conlleva una serie de preguntas, como por ejemplo ¿qué es un derecho, y, entre los diversos derechos humanos, qué es un derecho lingüístico? ¿hay diferencia entre un derecho lingüístico individual y un derecho lingüístico colectivo? ¿existen también responsabilidades

rajto, kaj, inter la diversaj homaj rajtoj, kio estas lingva rajto? ĉu estas diferenco inter individua lingva rajto kaj kolektiva lingva rajto? ĉu ekzistas ankaŭ- lingvaj respondecoj - ne nur juraj, sed ankaŭ moralaj? Kiujn reciprokajn respondecojn havas lingva malplimulto kaj ĉirkaŭanta lingva plimulto flegi kulturan interkomprenilon per tradukado, lingvoinstruado kaj alimaniere? Ĉu ni povas ekspluati difinitajn nuntempajn politikajn evoluojn favore al Esperanto, ekzemple reziston al la influo de la angla lingvo en Eŭropo? Ĉu ni povas veki apogon por Esperanto en sciencaj kaj teknikaj medioj? kaj ĉefe, Kiun ekvilibron ni trovu inter unuflanke la pledado por Esperanto kaj aliflanke la atentigo pri maljustaj solvoj de la internacia komunikado per etnaj lingvoj? La Esperanto-movado estas parte protesta movado: kontraŭ lingva malegaleco, lingva maljusto, lingva diskriminacio. Sed ĝi estas ĉefe kaj nedivideble movado por la homa bono, por komunika egaleco, por mondo internacie kaj interpopole harmonia, por senpera komunikado inter ordinaraj civitanoj el ĉiuj mondpartoj. Ni venas al niaj Kongresoj por uzi kaj ĝui nian lingvon, kaj por montri, ke tiu ĉi lingvo, tro ofte ignorata, funkcias plene, komplete, kaj sen obstakloj. Ni protestas kontraŭ la lingva diskriminacio, sed ni atestas per niaj vortoj kaj niaj agoj la efikecon de la Internacia Lingvo Esperanto. Atesto kaj protesto, ambaŭ gravas sed inteligenta kaj celkonscia atestado estas esenca. Se ni volas sukcesigi nian lingvon, ni devas koni la argumentojn de la aliaj kaj scii kiel respondi al ili. Tiele estis prezentita la Kongresa Temo fare de Humphrey Tonkin, vicprezidanto de UEA. La menciitaj demandoj, kiujn li formulis en tiu prezentado, plu staras antaŭ ni eĉ post kaj ekster la kongresa debato mem kaj postulas atenton kaj pripensadon de la geesperantistoj kaj de ĉiuj personoj interesitaj pri la lingva problemo de la mondo.

lingüísticas - no sólo jurídicas, sino también morales? ¿Qué responsabilidades recíprocas tienen una minoría lingüística y la mayoría lingüística en la que está inmersa para defender un instrumento de comprensión cultural por medio de traducción, enseñanza lingüística y otras formas? ¿Podemos aprovechar unas determinadas evoluciones políticas actuales en favor del Esperanto, por ejemplo una resistencia a la influencia del inglés en Europa? ¿Podemos suscitar apoyo para el Esperanto en medios científicos y técnicos? y principalmente, ¿Qué equilibrio hemos de establecer entre por una parte nuestra argumentación en favor del Esperanto y por otra parte la atención a las soluciones injustas de la comunicación internacional por medio de idiomas étnicos? El movimiento esperantista es en parte un movimiento de protesta: contra la desigualdad lingüística, la injusticia lingüística, la discriminación lingüística. Pero principal e indivisiblemente es un movimiento por el bien de la humanidad, por la igualdad en la comunicación, por un mundo en armonía a nivel internacional y entre los pueblos, por una comunicación directa entre los ciudadanos ordinarios de todas las partes del mundo. Venimos a nuestros congresos para usar y disfrutar nuestro idioma, y para mostrar que este idioma, muy a menudo ignorado, funciona plenamente, completamente, y sin obstáculos. Protestamos contra la discriminación lingüística, pero damos testimonio por nuestras palabras y nuestros actos de la eficacia de la Lengua Internacional Esperanto. Testimonio y protesta, ambos tienen importancia pero un testimonio inteligente y consciente de su objetivo es esencial. Si queremos hacer que tenga éxito nuestro idioma, debemos conocer los argumentos de los otros y saber cómo responder a ellos. Así fue presentado el Tema Congresual por Humphrey Tonkin, vicepresidente de la Asociación Universal de Esperanto. Las mencionadas preguntas, que él formuló en esa presentación, siguen ante nosotros esperando respuesta incluso después y fuera del debate congresual mismo y requieren la atención y la consideración de los esperantistas y de todas las personas interesadas en el problema lingüístico del mundo.

# Kongresa Temo




# Tema congresual

## Lingvaj rajtoj kaj respondecoj

## Derechos y deberes lingüísticos

**Humphrey Tonkin**

*Reĝisoro de la Kongresa Temo*

*Realizador del Tema Congresual*

Ni parolantoj de Esperanto foje pensas, ke demandoj pri lingva egaleco, lingva diskriminacio, kaj lingvaj rajtoj estus facile respondataj se oni uzus la internacian lingvon en la internacia komunikado. La rajto je egala pritrakto senkonsidere de la lingvo kiun oni parolas, havas historion pli longan ol la Zamenhofa lingvo. La koncepto de lingvaj rajtoj originis, almenaŭ en okcidentaj landoj, en la dekoka kaj deknaŭa jarcentoj, precipe en aranĝoj por la klerigo de minoritatoj en minoritatlingvaj lernejoj ekzemple en la Aŭstra Imperio; sed la postmilitaj internaciaj instrumentoj de la mezo de la dudeka jarcento firme starigis tiun koncepton, ekzemple pere de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj de 1948 kaj ĝiaj du pli poste akceptitaj konvencioj (pri ekonomiaj, sociaj kaj kulturaj rajtoj, kaj pri civilaj kaj politikaj rajtoj). En la Esperanto-movado la demando pri lingvaj rajtoj jam delonge estas esplorata kaj notata, precipe en la lasta kvardeko da jaroj, unue pro nia interesiĝo pri egaleca pritrakto de lingvoj je la internacia nivelo, kaj due pro nia esplorado de analogiaj situacioj ene de unuopaj ŝtatoj.

Tiuj situacioj efektive estas tre komplikaj. Sub kiuj cirkonstancoj oni povas aserti, ke difinita homo havas "rajton" utiligi difinitan lingvon en difinitaj situacioj? Ĉu, ekzemple, ni havas "rajton" postuli, ke la ŝtato eduku niajn infanojn en nia denaska lingvo? Kaj ĉu samas la situacio se temas, unuflanke, pri forta lingva komunumo en difinita ŝtato (ni diru, la kataluna) aŭ, aliflanke, se temas pri familio de enmigrintoj, kiuj estas la solaj en la regiono, kiuj parolas iun lingvon de la propra patrolando. Ŝajne, la rajto estas limigita al certaj kazoj kaj ne al aliaj - sed kiel difini la diferencojn?

Kaj ĉu estas kazoj kie difinita individuo ne havas "rajton" al aliro al lernejoj kie oni uzas lian aŭ ŝian denaskan lingvon, sed ja havas rajton al aliro al kortumo? Se jes, ĉu al ĉiu kortumo, aŭ nur kriminala kortumo? Kaj ĉu nur se oni estas enloĝanto aŭ civitano de la koncerna lando, aŭ ankaŭ se oni estas eksterlandano trapase arest-

Los que hablamos Esperanto a veces pensamos que las preguntas sobre igualdad lingüística, discriminación lingüística y derechos lingüísticos serían fáciles de responder si se usase la lengua internacional en la comunicación internacional. El derecho a un trato igualitario independientemente del idioma que se hable tiene una historia más larga que la lengua de Zamenhof. El concepto de derechos lingüísticos tuvo su origen, al menos en los países occidentales, en los siglos XVIII y XIX, principalmente en las disposiciones para la educación de minorías en escuelas de lenguas minoritarias como por ejemplo en el Imperio Austríaco; pero después de la guerra, los instrumentos internacionales de mediados del siglo XX establecieron firmemente ese concepto, por ejemplo por medio de la Declaración Universal de Derechos Humanos de 1948 y sus dos convenciones aceptadas más tarde (sobre derechos sociales y culturales y sobre derechos civiles y políticos). En el movimiento del Esperanto la pregunta sobre derechos lingüísticos ya viene siendo largamente investigada y registrada, principalmente en los últimos cuarenta años, primero por nuestro interés sobre el trato igualitario de idiomas a nivel internacional, y segundo por nuestra investigación de situaciones análogas dentro de Estados tomados aisladamente.

Esas situaciones son efectivamente muy complicadas. ¿Bajo qué circunstancias se puede afirmar que una persona determinada tiene "derecho" a utilizar una lengua determinada en determinadas situaciones? Por ejemplo, ¿tenemos "derecho" a exigir que el Estado eduque a nuestros niños en nuestra lengua de nacimiento? Y ¿es lo mismo si se trata, por un lado, de una comunidad lingüística fuerte en determinado Estado (digamos, la catalana) o, por otro lado, si se trata de una familia de inmigrantes que son los únicos en la región, que hablan aguna lengua del propio país?. Al parecer, el derecho está limitado a ciertos casos y no a otros - pero ¿como definir las diferencias?

Y ¿existen casos en los que un determinado individuo no tiene "derecho" a asistir a las escuelas donde de usa su lengua de nacimiento, pero sí tiene derecho a acudir a los tribunales? Si es así, ¿lo es a cualquier tribunal o sólo al de lo criminal? Y ¿sólo si es residente o ciudadano del país correspondiente o también si se trata de un extrajero arrestado cuando estaba de

ita? Ne estas tiel facile difini la limojn de la rajtoj, nek ilian rilaton al la leĝoj de la koncerna lando.
Foje ni esperantistoj argumentas, ke la diversaj ŝtatoj-membroj de Unuiĝintaj Nacioj devus povi uzi la propran lingvon en la debatoj kaj aliaj oficialaj intertraktoj, aŭ almenaŭ, ke oni ne diskriminaciu favore al iuj lingvoj je la kosto de aliaj. Ĉu temas do pri ia "rajto" ne esti diskriminaciata? Ĉu entute oni povas difini rajtojn, kiuj etendiĝas ne nur al unuopuloj sed ankaŭ al kolektivoj? Facile povus okazi, ke en difinita ŝtato, por sekurigi la "rajton" de difinita minoritato (ekzemple al uzo de la propra lingvo en komerco aŭ en la publika vivo), oni malhelpus al unuopa nemembro de la koncerna minoritato ĝui siajn rajtojn kiel individuo. Se, kiel diras la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj (26.3), "Gepatroj havas unuavican rajton elekti la specon de la edukado, kiun ricevu iliaj infanoj," ĉu tio inkluzivas elekton de la lingvo de instruado, ekzemple en la franclingva provinco Kebekio en la plejparte anglalingva Kanado?
Kaj kion fari se iu ŝtato estas tiel finance malforta, ke eĉ ne eblas liveri edukadon al ĉiu infano sub ajnaj cirkonstancoj? Kio nun pri lingvaj rajtoj? Tio estas la situacio en la landoj de Afriko kaj multaj aliaj mondopartoj - kaj foje ĝi povas ludi kiel motivo, aŭ preteksto, por ne fronti la problemon entute.
Kaj, ĉe la alia flanko de la medalo, kiujn respondecojn havas kolektivoj kaj individuo sur la tereno de lingvaj rajtoj? Kiujn devojn havas ŝtatoj? Kaj, se oni devas iamaniere ekvilibrigi rimedojn kaj devojn, kiuj devoj gravas, kaj kiuj malpligravas? Kaj ĉu ekzistas ia etiko de lingvouzo, ia lingva politiko de la individuo kiu diktas la gamon de raciaj elektoj ĉe la individuo? Ĝis kiu grado ano de lingva minoritato, ekzemple, havas etikan "devon" aŭ "respondecon" konservi kaj utiligi sian lingvon? Ĉu tia respondeco etendiĝas ankaŭ al uzantoj de Esperanto?
Kiel esperantistoj, ni havas nian unikan pensaliron al la demando pri lingvaj rajtoj kaj respondecoj, sed ne ĉiuj el ni komprenas iliajn subtilecojn kaj la historion de ilia pritrakto. Ni ankaŭ ne komprenas, nek plene esploris, niajn respondecojn kiel civitanoj kaj kiel membroj de tutmonda kolektivo. La celo de la ĉi-jara temo en la Universala Kongreso en Gotenburgo estas pliklarigi la demandon kaj esplori kiel ĝi aplikiĝas al niaj argumentoj por utiligo de la internacia lingvo Esperanto.

paso? No es tan fácil definir los límites de los derechos ni su relación con las leyes del país correspondiente.
A veces los esperantistas argumentamos que los diversos Estados miembros de las Naciones Unidas deberían poder usar su propio idioma en los debates y otras negociaciones oficiales, o al menos, que no se haga discriminación en favor de algunas lenguas a costa de otras. ¿Se trata entonces de un "derecho" a no ser discriminado? ¿Se puede en absoluto definir derechos que se extienden no sólo a los individuos particulares sino también a colectivos? Fácilmente podría ocurrir que en un Estado determinado, para asegurar el "derecho" de una minoría determinada (por ejemplo al uso del idioma propio en el comercio o en la vida pública), se dificultase a algún miembro particular de la correspondiente minoría el disfrute de sus derechos como individuo. Si, como dice la Declaración Universal de Derechos Humanos (26.3), "Los padres tienen el derecho primordial a elegir el tipo de educación que han de recibir sus niños," ¿incluye eso la elección del idioma de la enseñanza, por ejemplo en la provincia francófona de Quebeq en la mayoritariamente angloparlante Canadá?
Y ¿qué hacer si un Estado financieramente tan débil que incuso no es capaz de proveer de educación a cada niño en cualesquiera circunstancias? ¿Quá pasa en tal caso con los derechos lingüísticos? Tal es la situación en los países de Africa y muchos otros lugares -y a veces ello puede ser motivo, o pretexto, para no afrontar el problema globalmente.
Y la otra cara de la medalla, ¿qué responsabilidades tiene los colectivos y el individuo en el terreno de los derechos lingüísticos? ¿qué deberes tienen los Estados? Y, si se deben equilibrar de alguna manera los recursos y los deberes, ¿qué deberes importan y cuáles no? Y ¿existe alguna ética de uso lingüístico, alguna política lingüística del individuo que dictas la gama de elecciones racionales individuales? ¿Hasta qué grado un miembro de una minoría lingüística, por ejemplo, tiene el "deber" o la "responsabilidad" ética de conservar y utilizar su idioma? ¿Se extiende esa responsabilidad también a los que usan el Esperanto?
Como esperantistas, tenemos nuestra nuestra especial preocupación sobre la pregunta acerca de los deberes y las responsabilidades lingüísticas, pero no todos comprendemos sua sutilezas ni la historia de su tratamiento. Tampoco comprendemos, ni hemos investigado plenamente nuestras responsabilidades como ciudadanos y como miembros de un colectivo mundial. El objetivo del tema de este año en el Congreso Universal en Gotenburgo es clarificar la pregunta e investigar cómo se aplica a nuestros argumentos para la utización de la lengua internacional Esperanto.

# Debato pri la Kongresa temo




# Debate sobre el Tema congresual

Ĉi-jare la temo de la Universala Kongreso de Esperanto estis: **Lingvaj rajtoj kaj respondecoj**. La debato pri ĝi estis sufiĉe vigla, eĉ ekster kaj post la Kongreso mem. Sekve ni publikigas iujn dokumentojn kiuj montras la interkontraŭantaj poziciojn, kiel la teksto de prelego de Charles Durand, kiun li prezentis en la franca lingvo kaj kies esperanta tradukaĵo faris Claude Longue-Epée, kaj la kritiko al tiu teksto, fare de Gary Mickle, publikigita en la TTT-paĝo **Libera folio,** Interreta adreso:
http://www.algonet.se/~kallekn/folio
Ni prezentas tiujn tekstojn al niaj legantoj interesitaj pri la temo por ke ili povu eltiri siajn proprajn konkludojn el la materialoj de la debato. Kiel kutime, nia revuo ne poziciiĝas oficiale pri la enhavo de tiu kaj aliaj polemikoj ĉu internaj de la Esperantista Movado aŭ ĉu eksteraj al nia lingva afero.

Este año el tema del Congreso Universal de Esperanto fue: **Derechos y responsabilidades lingüísticos**. El debate sobre él fue bastante vivo, incluso fuera y después del propio Congreso. A continuación publicamos unos documentos que muestran las posiciones enfrentadas, como el texto de una conferencia de Charles Durand, que él presentó en francés y cuya traducción al esperanto realizó Claude Longue-Epée, y la crítica a ese texto hecha por Gary Mickle, publicada en la página WEB **Libera folio** (Hoja libre), dirección de Internet:
http://www.algonet.se/~kallekn/folio
Presentamos esos textos a nuestros lectores interesados en el tema para que ellos puedan extraer sus propias conclusiones de los materiales del debate. Como de costumbre, nuestra revista no se posiciona oficialmente sobre el contenido de esas y otras polémicas sean internas del Movimiento Esperantista o externas a nuestro asunto lingüístico.

## La Esperantistoj kaj la asocioj defendantaj la naciajn lingvojn: Natura simbiozo

*Parolado de Charles Durand antaŭ la Gotenburga Universala Kongreso.*

Antaŭ ĉio mi volas danki al Sinjoro Renato Corsetti, Prezidanto de la Universala Esperanto Asocio, pro tio ke li invitis min partopreni tiun kongreson kaj tiel havi la eblecon alporti mian modestan kontribuon al la faritaĵoj kaj al la laboroj de la esperantistoj.

Hodiaŭ nepras, ke ni disrompu la cirklobarilon de silento trude starigitan de la amaskomunikiloj kaj de la oligarkio, de kiu ili estas komisiitaj. La esperantistoj ne nur promocias esperanton. Ili ankaŭ postulas la rajton, kiun havas la popoloj por sia digno, pensi, labori per siaj lingvoj, vivi laŭ siaj propraj kulturoj, esti si mem plene kaj sentrude. La esperantistaj asocioj havas multajn komunajn ecojn kun aliaj grupoj, kiuj kreiĝis dum la dekkvin pasintaj jaroj dise tra la mondo kaj aparte en Eŭropo. Tiuj gupoj prizorgas la defendon de multaj naciaj lingvoj, kiujn la tutmonda plutokrataro ŝatus nuraj dialektoj, kaj kies rolo tiel iĝus esence folklora. Jen kial alianco inter esperantistoj kaj la ĵus cititaj asocioj estas alte dezirinda. Dume, miaopinie ekzistas ĉiuj necesaj faktoroj por estigi el tiu alianco ververan sim-

## Los Esperantistas y las asociaciones defendiendo las lenguas nacionales: Una simbiosis natural

***Intervención de Charles Durand ante el Congreso Universal en Geotemburgo***

Ante todo quiero agradecer al Señor Renato Corsetti, Presidente de la Asociación Universal de Esperanto, por invitarme a participar en este congreso y poder así aportar mi modesta contribución a las elaboraciones y trabajos de los esperantistas.
Hoy es imprescindible que rompamos el cerco de silencio impuesto por los medios de comunicación de masas y de la oligarquía a la que sirven. Los esperantistas no sólo promocionan el Esperanto, sino que también reclaman el derecho de los pueblos a su dignidad, a pensar, trabajar, por medio de sus lenguas, vivir según sus propias culturas, ser ellos mismos plenamente y sin imposiciones. Las asociaciones esperantistas tienen muchas características comunes con otros grupos creados durante los pasados quince años a lo largo del mundo y especialmente en Europa. Esos gupos se ocupan de la defensa de muchas lenguas nacionales, a las que la plutocracia globalizadora quisiera reducir a simples dialectos, y cuya función resultaría así esencialmente folclórica. He ahí por qué una alianza entre esperantistas y las mencionadas asociaciones son muy deseables. Mientras tanto, en mi opinión existen todos los factores necesarios para convertir esa alianza en una verdadera simbiosis, lo que nos

biozon, kio helpos nin multe pli efike dissciigi niajn mesaĝojn.

Hodiaŭ la esperantistoj estas la solaj, por proponi al ni lingvon vere internacian kaj de ĉiuj akireblan. Mi ne ĉi tie priskribu la avantaĝojn de esperanto, ĉar vi ĉiuj ilin scias pli bone ol mi, kiu ankoraŭ ne parolas vian lingvon. Tamen aliaj asertas al ni, ke la gepatra lingvo de iu grupo, reprezentanta ne pli ol 6 ĝis 7% de la tutmonda loĝantaro, estas universala lingvo, kaj tio starigas al ni seriozan problemon. Fakte, se unu natura lingvo estas proklamita "universala", tio samtempe subaŭdigas, ke la aliaj ne estas tiaj. Se unu lingvo posedas "superecojn" super la aliaj, tio memkomprenble substrekas alies malsuperecon. Tion oni nomas "duopecon de la kvalifikiloj", kaj tio estas ege ĝena, ĉar, se unu lingvo "superas" la aliajn, ĝiaj parolantoj same konsideratos "superantaj" la alilingvanojn, vole nevole.

Mi ŝatus ĉi tie parentezumi. Ni ĉiuj scias, ke antaŭ 1960 ekzistis en Usono strikta rasa apartigo bazita sur la laŭdira malsupereco de la nigruloj. Dume ĝisfundaj enketoj montris, ke la nigruloj mem plejmulte samopiniis ĉi tiel. Tiu interkompletiĝo de la opinioj ĉiam ekzistas en la rilatoj inter koloniantoj kaj koloniatoj, inter regantoj kaj regatoj. Nu, ni konstatas similan situacion inter la denaskaj parolantoj de la laŭdire universala lingvo kaj la ceteruloj. La preskaŭ sistema diskriminacio favoranta la denaskajn angloparolantojn estas natura sekvo de la "supereco" prikonsentita al la angla lingvo, tial ke en multaj landoj la angla lingvo estas formale agnoskata kiel la nura lingvo uzota en ekzemple la internaciaj teknikaj-sciencaj interŝanĝoj. Ankaŭ la diskriminaciaj dungprocedoj povas ekzisti nur pro la kredo — komuna de la denaskaj angloparolantoj kaj de tiuj kiuj ne tiaj estas — pri tiu laŭdira "supereco" de la angla lingvo. Tiu kulpa interkonsento, inter tio kio estas nenio alia ol unu reganta grupo kaj alia regata grupo, estas naskanta ene de ĉiuj internaciaj organizaĵoj — ja ne devigataj je dungaj kvotoj — evidentajn malegalecojn, kiujn la aktualaj tendencoj povas nur plifortigi.

En Eŭropo iuj provas kredigi al ni, ke la scipovo de la angla estiĝis nemalhavebla pro komercaj reguloj kaj planedskalaj komunikbezonoj. Dume kiel ni scias, se la celoj de tia lernado estus nur pragmataj, al esperanto kaj ne al la angla la apostoloj de la universala interkompreniĝo devus sin turni! Devige ni konstatu, ke la angla rolas hodiaŭ en kontinenta Eŭropo same kiel antaŭ 1990 la rusa en la satelitoj de Soveta Unio kaj en ties aneksitaj respublikoj. La socilingvisto Louis-Jean Calvet evidentigis en tiu procezo etapojn tute similaj al tio, kio videblas nun en okcidenta Eŭropo pro la angla. Malesto de lingva politiko en la neruslingvaj respublikoj sekvigis ampleksajn vortajn prunteprenojn el la rusa lingvo, aparte en la sciencaj kaj teknikaj sferoj. Tiel tre rapide, la lokaj lingvoj izoliĝis en poramasaj funkcioj, dum la rusa specifiĝis por la informadaj, oficialaj, sciencaj funkcioj. En 1975 dum konfereco okazinta en Tachkento estis proponata la instruado de la rusa ĉie

ayudará mucho más eficazmente a divulgar nuestros mensajes.

Hoy los esperantistas son los únicos que nos proponen un idioma verdaderamente internacional y asequible a todos. No he de describir aquí las ventajas del Esperanto ya que vosotros las conocéis todas mejor que yo, que aún no hablo vuestra lengua. Sin embargo otros nos argumentan que la lengua materna de un grupo, que representa no más del 6 al 7% de la población mundial, es una lengua universal, y eso constituye para nosotros un serio problema. De hecho, si una lengua natural es proclamada "universal", eso a la vez implica que las otras no lo son. Si un idioma posee "superioridad" sobre los otros, eso lógicamente subraya la inferioridad de los demás. A eso se le llama "doble criterio de medida", lo que es muy fastidioso, pues, si una lengua "supera" a las otras, los que la hablan se considerarán asímismo "superiores" a los hablantes de otras lenguas, lo quieran o no.

Quisiera hacer un paréntesis aquí. Todos sabemos que hasta 1960 había en EE.UU. una severa discriminación racial basada sobre la pretendida inferioridad de los negros. Mientras tanto unas profundas encuestras mostraban que los mismos negros en su mayor parte opinaban así. Ese acuerdo en las opiniones existió siempre en las relaciones entre colonizandores y colonizados, entre gobernantes y gobernados. Pues bien, constatamos una situación similar entre los que tienen como lengua materna la pretendida lengua universal y los demás. La casi sistemática discriminación favoreciendo a los angloparlantes de nacimiento es una consecuencia natural de la "superioridad" atribuída a la lengua inglesa, ya que en muchos países el idioma inglés está formalmente reconocido como el único idioma a utilizar por ejemplo en los intercambios técnico-científicos internacionales. También los procedimientos discriminadores de contratación son posibles por la creencia -comunmente aceptada por los angloparlantes de nacimiento y por los que no lo son- sobre la pretendida "superioridad" del inglés. Ese acuerdo culpable, entre lo que no es más que un grupo dominante y otro dominado, está haciendo nacer en el seno de todas las organizaciones internacionales -ciertamente no obligadas a cuotas de contratación- evidentes desigualdades que las actuales tendencias sólo pueden reforzar.

En Europa algunos intentan hacernos creer que el dominio del inglés se hizo indispensable por las normas comerciales y las necesidades de comunicación a escala planetaria. Pero como sabemos, si los objetivos de tal estudio fuesen sólo pragmáticos, sería al Esperanto y no al inglés al que los apóstoles de la comprensión universal se deberían volver. Nos vemos obligados a constatar que el inglés juega hoy en el continente europeo un papel similar al del ruso hasta 1990 en los países satélites de la Unión Soviética y en las repúblicas anexionadas por ésta. La social-lingüista Louis-Jean Calvet evidenció en ese proceso unas etapas en todo similares a lo que se ve ahora en Europa occidental con el inglés. Una ausencia de política lingüística en las repúblicas no rusas ocasionó un amplio préstamo de vocablos tomados del ruso, especialmente en las esferas científica y técnica. Así muy rápidamente, las lenguas locales se limitaron a funciones para las masas, mientras el ruso se hacía específico para las funciones de la información, las oficiales y las científicas. En 1975 en una conferencia que tuvo lugar en Tachkento

ekde la infangvardtejo, kaj poste en 1979, dum alia konferenco en Tachkento titolita "La rusa lingvo, lingvo de amikeco kaj de kunlaborado de la sovetaj popoloj", estis ŝugestite devigi la studentojn redakti siajn memuarojn en la rusa. Sekvis manifestacioj en Tbiliso (Kartvelujo), Talino (Estonujo), ribeletoj en la aliaj baltaj landoj, peticioj de la kartvelaj intelektuloj, ktp... Iuj lingvanoj ekkonsciis, ke ilia lingvo malrapide solviĝas en la rusa. Okazis do fenomeno de akcelata sorbado de la sovetaj lingvoj far la rusa, neniel volita de la popoloj, sed male ĉiel dependanta de la potenco kaj de la lingva politiko de Rusujo fronte al ties satelitoj. Estas evidente, ke simila procezo estas disvolviĝanta en la eŭropaj landoj, kaj tio igas opinii, ke la eŭropunia konstruiĝo faciligas la rapidan satelitiĝon de la malnova kontinento sub la usona Ameriko. En Soveta Unio la prunteprenoj el la rusa estis malpliigontaj la diferencojn inter la lingvoj profite al la rusa. Aplikite tiam en Soveta Unio kaj hodiaŭ en kontinenta Eŭropo, tiu speco de lingva imperiismo nature laŭiras diversajn vojojn, samtempe influante la lernejan kaj universitatan politikon, la lingvoplanadon kaj la amaskomunikilojn. La lingva imperiismo ne estus tre danĝera, se ĝi ne estus la elmontro de kruda simpla imperiismo, kaj sufiĉas observi por taksi ties entenaĵojn.

En multaj landoj ĉi tie reprezentataj la amaskomunikiloj injektas en la naciajn lingvojn, tute artifike, centojn da novaj anglo-usonaj vortoj, kiuj tiel anstataŭas la lokan vortprovizon. Tiel estas ekzemple en la itala, en la germana, en la franca, en la hispana, en la sveda. En la reklamiloj la bildoj pri moderneco, pri teknologio tiel nomata "alta", pri movebleco, pri scienco, pri liberaleco, pri efikeco, pri profesia sukceso, pri riĉeco, kaj eĉ pri sporto, estas ekde nun preskaŭ ĉiam kunligitaj kun anglo-usonaj terminoj, kiuj tiel tute artifike anstataŭas la terminojn de la gepatraj lingvoj, tiamaniere vunditaj. Tiu seninterrompa entrudiĝo kreas en la loĝantaro Pavlovan reflekson, kiu favoras ne nur la trejnadon al la angla lingvo sed ankaŭ la konsenton por la ega anglosaksa superrego kultura, ekonomia kaj politika fare de la socioj, kiuj pro ĝi suferas.

Rémi Kauffer, profesoro en la prestiĝa lernejo pri politikologio ("Sciences-Po") de Parizo, skribas en sia libro titolita "La armilo de la misinformado. Milito de la multnaciaj firmaoj kontraŭ Eŭropo" :

"Trudante siajn konceptojn, siajn terminarojn, siajn mondprojektojn, Usono provas enkatenigi siajn rivalojn en pensadcirklon por ili desegnitan, tiamaniere ke tiel malliberigite ili ne plu povos eligi sin el ĝi. Trudi sian vortprovizon estas privenki la unuan batalon. De "brainstorming" al "wargame", de "teenagers" al "fastfood", de "management" al "benchmarking" la usonanoj estas plifruiĝintaj antaŭ ĉiuj aliaj.....Dank"al tiu kreskanta entrudiĝo la uson-brita influo povis disvastiĝi. De la reganta elitaro, de la ekonomiaj medioj, ĝis la "antaŭeniĝantaj" rotoj el la mezaj socitavoloj, ĝi

se propuso la enseñanza del ruso en todas partes desde la guardería infantil, y después en 1979, en otra conferencia en Tachkento denominada "La lengua rusa, lengua de amistad y de colaboración de los pueblos soviéticos", se sugirió obligar a los estudiantes redactar sus informes en ruso. Tuvieron lugar manifestaciones en Tbilis (Caucasia), Tallin (Estonia), pequeñas rebeliones en los otros países bálticos, peticiones de los intelectuales caucásicos, etc... Algunos hablantes de otras lenguas se concienciaron de que su idioma lentamente se disolvía en el ruso. Tenia lugar por tanto un fenómeno de absorción acelerada de las lenguas soviéticas por parte de la rusa, en absoluto deseada por los pueblos, sino por el contrario dependiente en todo de la política lingüistica de Rusia contra sus satélites. Es evidente que un proceso similar se está desarrollando en los países europeos, y eso nos hace opinar que la construcción de la Unión Europea facilita la rápida satelización del viejo continente bajo los EE.UU. de América. En la Unión Soviética las préstamos del ruso reducían las diferencias entre las lenguas en favor del ruso. Aplicado entonces en la Unión Soviética y hoy en Europa continental, esa especie de imperialismo lingüístico recorre de una manera natural diversas rutas, a la vez influyendo en la política escolar y universitaria, la planificación lingüística y los medios de comunicación de masas. El imperialismo lingüístico no sería muy peligroso si no fuese la manifestación de un imperialismo crudo y simple, y basta con observarlo para calibrar sus contenidos.

En muchos países representados aquí los medios de comunicación de masas inyectan en las lenguas nacionales, de una manera totalmente artificial, cientos de nuevas palabras anglo-americanas, que van así sustituyendo el acerbo lingüístico local. Así tenemos el ejemplo en el italiano, en el alemán, en el francés, en el español, en el sueco. En los anuncios las imágenes sobre modernidad, tecnología definida como "alta", sobre mobilidad, ciencia, liberalidad, eficacia, éxito profesional, riqueza, e incluso sobre deporte, están desde ahora casi siempre relacionados con términos anglo-americanos, que de una manera tan artificial reemplazan los términos de las lengua maternas, de tal manera lesionadas. Esa intromisión ininterrumpida crea en la población un reflejo condicionado que favorece no sólo el entrenamiento en la lengua inglesa sino también la aceptación de la gran superioridad anglosajona en lo cultural, económico y político por parte de las sociedades que la sufren.

Rémi Kauffer, profesor en la prestigiosa escuela de politicología ("Sciences-Po") de París, dice en su libro titulado "El arma de la desinformación. Una guerra de las multinacionales contra Europa":

"Imponiendo sus concepciones, su terminología, sus proyectos mundiales, EE.UU. intenta encadenar a sus rivales en un pensamiento cercado diseñado por ellos, de tal manera que así apresados ya no puedan salirse de él. Imponer su léxico es ganar la primera batalla. De "brainstorming" a "wargame", de "teenagers" a "fastfood", de "management" a "benchmarking" los norteamericanos se adelantaron a todos los demás... Gracias a esa creciente intromisión la influencia yanqui-británica pudo extenderse. Desde la élite gobernante, desde los medios económicos, hasta las bandas "emergentes" de las clases medias, penetró en las clases populares. Batalla

enpenetris la popolajn klasojn. Pervorta batalo, perbilda batalo. Laŭ tio ke la usonecigo de la terminoj kaj de la imagitaĵoj kunestas kun la usonecigo de la konsummodo, tiu fenomeno donas unu el la plej efikaj subteniloj por la entrudiĝo de la usonaj firmaoj en la progresantajn merkatojn. Nu, eĉ se komerca, ĉiu ajn milito estas unue milito de la spiritoj. Ankaŭ ĝi tute ne kompareblas kun psika "blitzkrieg" (fulm- milito) elpensita kaj gvidata al proksima celo. La misinformado male entenas daŭran agadon zorge estritan kaj gravajn rimedojn teknikajn, financajn, homajn". Tiu ĉi klarigo estas do geografi-politika kaj ĝi plene konfirmas la diraĵojn de Zbigniew Brzezinski, kiam li asertas, ke "Eŭropo estas de nun usona protektorato".

Niaj tiel nomataj "elitoj" absolute ne prikonscias, ke la posedantoj de la vortoj kaj de la lingvo posedas ankaŭ la penson, kaj ke posedante alies penson oni posedas ĉion ceteran. Tiu ignoro estas ĝeneraligita. Tiel la ĝeneraligita uzado de la angla, kiel difinilo kaj prezentilo de scienco, kompreneble donacas pli vastan videblecon al la sciencaj laboroj de anglolingvaj popoloj, dum ĝi samtempe enmarĝenigas la aliajn kompreneble tiom pli, ke la laboroj estas anglalingve redaktitaj, kaj ke sekve ili devas enmuldiĝi en la anglalingvajn postulojn koncerne la formon kaj la enhavon. El tio fontas mimetismo aŭ imitismo, kiu havas plagajn sekvojn, ĉar ĝi gvidas laŭ konkurenca inspiro al programoj, kiuj ne povas respondi al vere noviga logiko. Laŭ tio ke estas efektive la anglolingvaj landoj kiuj tiel difinas la normojn de la "bona scienco", estas memkompreneble ke la scienco de la anglalingvaj landoj montriĝas tiel "supera" fronte al tiu de la aliaj. Tiel longe kiam la fremdaj sciencesploristoj, konscie aŭ nekonscie, konsentos pri tiu propra malsupereco, uzante la anglan kiel priskribilon de sia laboro, ili montriĝos simplaj perantoj de la anglo- usona sciencesplorado kaj ili ne povos plene valorigi sian laboron.

Do ĉu la scipovo de la sinpretende "universala" lingvo ebligas pli altan nivelon de prospero? Tion ŝajne kredas la registoj de Tajvano, ĉar ili ĵus dungis mil intruistojn denaske angloparolantajn por plialtigi la anglalingvan nivelon de siaj gejunuloj. Tamen, kion mi rimarkigis okaze de konferenco okazinta en tiu lando en novembro 2002, se ni rigardas la najbarajn landojn, ni ekvidas ke Filipinoj, kie la angla lingvo estas supere plej bone parolata en la regiono, estas ankaŭ malplej altnivelaj sur la ekonomia tereno en Sudokcidenta Azio!

Unusola lingvo malmultigas la nombron de esprimmodoj kaj de referencpunktoj, kaj ĝi ignoras la pens-skolojn funkciantajn per aliaj lingvoj. Ne eblas konfidi al aliuj la regadon de la difinoj kaj de la enbildigiloj de la homa kono. Jen kial la internacia komuniklingvo estu nepre sennacieca, kaj esperanto estas la nura lingvo nun konforma al tiu kriterio.

Mia batalo estas batalo por la libero de la spirito, ĉar tiu libero estas la kondiĉo de ĉiuj aliaj liberoj. Mi estas hodiaŭ kun vi ĉar la esperantistoj fundamente tiel samopinias.

de las palabras, batalla de las imágenes. A medida que la americanización del léxico y de la imagen se junta con la americanización de la moda del consumo, ese fenómeno proporciona uno de los más eficaces apoyos para la intromisión de las empreses norteamericanas en los mercados florecientes. Bueno, incluso si es comercial, toda guerra es ante todo una guerra de los espíritus. Tampoco ella es en absoluto comparable con una "blitzkrieg" (guerra relámpago) psíquica diseñada y dirigida al objetivo siguiente. La desinformación por el contrario implica una acción continua cuidadosamente dirigida e importantes recursos técnicos, financieros, humanos". Esta aclaración es pues geopolítica y confirma plenamente el aserto de Zbigniew Brzezinski, cuando dijo que "Europa es desde ahora un protectorado norteamericano".

Nuestras denominadas "élites" no son en absoluto conscientes de que los que poseen las palabras y el idioma poseen también el pensamiento, y que poseyendo el pensamiento de alguien se lo posee entero. Esa ignorancia es general. Así el uso general del inglés como definidor y presentador de la ciencia, lógicamente proporciona una visión más amplia a los trabajos científicos de los pueblos angloparlantes, mientras margina a los demás más aún considerando que los trabajos son redactados en inglés, y que por tanto deben amoldarse a los requirimientos de la lengua inglesa en lo referente a la forma y al contenido. Eso da origen a mimetismo o imitación, que tiene unas consecuencias funestas ya que preside según una inspiración de competitividad a programas que no puede responder a una lógica verdaderamente renovadora. Debido a que son efectivamente los países angloparlantes los que así definen las normas de la "buena ciencia, resulta comprensible que la ciencia de los países angloparlantes se muestra tan "superior" frente al de los demás. En la medida en que los investigadores científicos extranjeros, consciente o inconscientemente, admitan su propia inferioridad, usando el inglés como describidor de su trabajo, se mostrarán unos simples representantes de la investigación científica anglo-norteamericana y no podrán hacer valer plenamente su trabajo.

Entonces ¿el dominio de la pretendida lengua "universal" posibilita un nivel más alto de prosperidad? Al parecer eso es lo que creen los gobernantes de Taiván, pues acaban de contratar mil profesores angloparlantes de nacimiento para elevar el nivel del inglés de sus jóvenes. Sin embargo, lo que yo puse de manifiesto con ocasión de mi conferencia en ese país en noviembre del 2002, si nos fijamos en los países vecinos, vemos que Filipinas, donde mejor se habla el inglés en toda la región, es también el de más bajo nivel en el terreno económico en el Asia Sudoccidental.

Una lengua única reduce la cantidad de modos de expresión y de puntos de referencia, e ignora las escuelas de pensamiento que funcionan por medio de otros idiomas. No es posible confiar a otros la gestión de las definiciones y de las representaciones del conocimiento humano. He ahí por qué la lengua común internacional debe ser indefectiblemente sin nacionalidad, y el Esperanto es la única lengua actualmente conforme a ese criterio.

Mi batalla es una batalla por la libertad del espíritu, ya que esa libertad es la premisa de todas las otras libertades. Estoy hoy con vosotros ya que los esperantistas opinan fundamentalmente igual.

# Simbiozo de esperantismo kaj lingvonaciismo?

# ¿Simbiosis de esperantismo y nacionalismo lingüístico?

Gary Mickle

**"Naciismo, el kiu haladzas la spirito de etna kaj intercivilizacia malfido kaj rivalado, estas laŭ mi neniam akceptebla, eĉ kiam ĝi ŝajnas unuavide oportuna instrumento por batali kontraŭ la imperiismo", skribas Gary Mickle. Komentante la prelegon de la franca sciencisto Charles Durand en la gotenburga Universala Kongreso, nia aŭtoro demandas al si, ĉu anoj de teorioj pri la interciviliza lukto estas memklaraj aliancanoj de la esperantistoj.**

Ni scias el informo de la Brusela Komunikad-Centro, ke la franca sciencisto Charles Durand partoprenas la gotenburgan Universalan Kongreson kaj kontribuos al la kongresa temo ("Lingvaj rajtoj kaj devoj") per franclingva parolado, kies Esperantan tradukon ni bonŝance jam disponas.

Unu centra mesaĝo de Durand al la esperantistoj estas, ke alianco -kiu fariĝu "ververa simbiozo"- inter esperantistoj kaj "lingvodefendantoj" estas nepre dezirinda, ĉar laŭ lia opinio ambaŭ grupoj defendas similajn valorojn, kiel tiun, ke la popoloj rajtu "vivi laŭ siaj propraj kulturoj" kaj "esti si mem". Kvankam neniu povas kontraŭi, ke la popoloj (kaj ĉiaj aliaj homaj kolektivoj, mi aldonus) efektive ĝuu tiujn rajtojn, ni renkontas jam ĉi tie specon de retoriko, kiu estas tipa ĉe anoj de teorioj pri la intercivilizacia lukto kaj de la novdekstra etnoplurismo. Plua legado konfirmas la dubovekan unuan impreson.

Durand tezas, ke la angla lingvo estas konscie instrumentigata de la anglalingvaj landoj por pli efike domini la ceteran mondon. Ĝis tiu punkto mi povas eĉ konsenti kun lia argumentado. Sed jam ne plu akceptebla estas lia ĉeno de rezonado, kiun oni povas parafrazi ĉi tiel: Iuj proclamas la anglan "universala" lingvo. Per tio oni atribuas al ĝi "superecon" kaj al la aliaj lingvoj "malsuperecon". Sekvo de tio estas, ke oni konsideras ankaŭ la denaskajn parolantojn de la angla superaj al ĉiuj aliaj homoj. Kaj tiu aferstato similas al la rilatoj inter "koloniantoj kaj koloniatoj", inter "reganta grupo" kaj "regata grupo".

Ni havas ĉi tie tutsimple unu plian varianton de la ideo pri la intercivilizacia lukto kiel ĉefa faktoro de la mondaj eventoj. Ĉi tiu varianto imagas

**"El nacionalismo, que apesta a espíritu de desconfianza y rivalidad étnica e intercultural, a mi parecer no es aceptable nunca, aún si a primera vista parece un instrumento oportuno para luchar contra el imperialismo", escribe Gary Mickle. Comentando la conferencia del científico francés Charles Durand en el Congreso Universal de Gotemburgo, nuestro autor se pregunta si adeptos de teorias sobre la lucha entre civilizaciones son unos aliados evidentes de los esperantistas.**

Conocemos la información del Centro de Comunicación de Bruselas, que el científico francés Charles Durand participa en el Congreso Universal de Gotemburgo y contribuirá al tema congresual ("Derechos y deberes lingüísticos") con una intervención en francés, de cuya traducción al Esperanto por suerte disponemos.

Un mensaje central de Durand a los esperantistas es que una alianza -que se haga "verdadera simbiosis"- entre esperantistas y "defensores de las lenguas" es muy de desear, ya que según su opinión ambos grupos defienden valores similares, como el de que los pueblos tienen derecho a "vivir según sus propias culturas" y "ser ellos mismos". Anque nadie puede negar que los pueblos (y yo añadiría que cualesquiera otros tipos de colectivos humanos) disfruten efectivamente esos derechos, yo encuentro ya aquí una especie de retórica que es típica de los adeptos de teorías sobre la lucha entre civilizaciones y de la pluralidad étnica de la nueva derecha. La continuación de la lectura confirma las dudas evocadas por la primera impresión.

La tesis de Durand es que el inglés está siendo conscientemente instrumentalizado por los países angloparlantes para dominar más eficazmente el resto del mundo. Hasta ese punto yo puedo incluso consentir con su argumentación. Pero lo que ya no es aceptable es su línes de razonamiento, que se puede parafrasear así: Algunos proclaman al inglés lengua "universal". Así se le atribuye "supereriridad" y a las demás lenguas "inferioridad". La consecuencia de eso es que se considera también a los angloparlantes de nacimiento superiores a todos los dem'as hombres. Y esa situación es similar a las relaciones entre "colonizadores y colonizados", entre "un grupo gobernante" y "un grupo gobernado".

Lo que aquí tenemos es simplemente una variante de la idea del enfrentamiento entre civilizaciones como factor principal de los acontecimientos mundiales. Esta

la ĉefan mondan frontlinion troviĝi inter la "anglalingvanoj" aŭ "anglosaksoj" unuflanke kaj ĉiuj aliaj popoloj de la mondo aliflanke. Tiu impreso plifirmiĝas, kiam oni ekrigardas TTT-ejojn de francaj "lingvodefendantoj" www.voxlatina.com aŭ de suverenistoj www.jeune-france.org -mi nomus tiujn lastajn naciistoj- en kiu Durand prezentiĝas kun siaj politikaj ideoj.
La parolado de la Universala Kongreso entenas la konatan veadon pri tio, ke la naciaj lingvoj estas "vunditaj" per leksikaj pruntaĵoj el la angla, kiujn la "amaskomunikiloj injektas en la naciajn lingvojn, tute artifike". Ankaŭ en ĉi tiu argumentado ne forestas la strebo hejti la etoson de inter-lingvogrupa ĵaluzo kaj malfido: "...la posedantoj de la vortoj kaj de la lingvo posedas ankaŭ la penson, kaj ke posedante alies penson oni posedas ĉion ceteran".
Ĉi tiu parolado estas milda, kompare kun teksto (anglalingva) de Durand, kiu aperis unue en la TTT-ejo de SAT-Amikaro kaj kiun Renato Corsetti poste cirkuligis en diversaj dissendolistoj fine de la pasinta jaro kun la peto traduki ĝin en pliajn lingvojn kaj disvastigi ĝin.
En ĉi tiu teksto Durand eldiras, ke "la angla estas la portanto de la plej horora propagandomaŝino, kiun homoj iam ajn konceptis", kvazaŭ politika propagando disvastigata per la angla havus esence alian kvaliton ol tiu disvastigata per aliaj lingvoj. Durand imputas al la angla lingvo la miraklan povon "reprogrami" la menson de homoj kaj replenigi gin per "mondrigardo proksimume ekvivalenta al tiu de usonano" -sen ke tiuj kapablus efike rezisti la mensmanipuladon.
"Por iu, kiu studas ĝin kiel duan lingvon en la plej granda parto de la evoluanta mondo, la angla rapide senigas homojn je la rajto pensi por si mem. Ĝi rezultigas kulturan fremdigon kaj senposedigon." Parolante pri Nigerio kaj Barato: "... la elradikigo de la angla en tiuj du landoj estus multe pli efika, car la angla efektive portas la bacilojn kaj la rimedojn de tio, kies kerno estas mensa sklavigo". Ĉi-foje Durand direktas sian helpeman sugeston pli diligenti en la batalo kontraŭ la angla al nordnigeriaj radikalaj islamistoj kaj hinduaj naciistoj, kiujn li taksas -kiel la esperantistojn- siaj potencialaj politikaj aliancanoj.
Ne plu mirigas, ke Durand lerte enkondukas en unu loko la nocion "nacia prefero" por pozitive konotaciigi ĝin ĉe la leganto. La franca Nacia Fronto tre konscie kaj laŭcele enkondukis ĉi tiun nocion en la publikan debaton de Francio, kion Durand apenaŭ povas ne scii.

variante imagina que principal frente de lucha mundial se encuentra entre los "anglofonos" o "anglosajones" por un lado y todos los demás pueblos del mundo por otro lado. Esa impresión se reafirma cuando se mira las páginas WEB de "defensores de la lengua" franceses www.voxlatina.com o de soveranistas www.jeune-france.org -yo llamaría a estos últimos nacionalistas- en las que Durand se presenta con sus ideas políticas.
La intervención en el Congreso Universal contiene la conocida queja de que las lenguas nacionales son "lesionadas" por préstamos lexicográficos del inglés, y que los "medios de comunicación de masas" inyectan en las lenguas nacionales, "de forma totalmente artificial". Tampoco en esta argumentación alta la esfuerzo por calentar el ambiente con celos entre grupos lingüísticos: "...los que poseen las palabras y el idioma poseen también el pensamiento, y poseyendo el pensamiento de otros se posee también todo lo demás".
Esta intervención es suave en comparación con el texto (en inglés) de Durand que aparece primero en la página WEB de Amigos de SAT y al que Renato Corsetti hizo despés circular en diversas listas de divulgación a finales del pasado año con la petición de traducirlo a más idiomas y difundirlo.
En ese texto Durand asegura que "el inglés es el portador de la más horrorosa máquina propagandística, que los hombres hayan jamán concebido", como si una propaganda política difundida por medio del inglés tuviese esencialmente otra cualidad que la difundida por otras lenguas. Durand imputa al inglés el poder milagroso de "reprogramar" la mente humana y rellenarla con "una concepción del mundo casi equivalente a la de un norteamericano" -sin que sea posible resistirse eficazmente a la manipulación mental.
"Para alguien que la estudia como segundo idioma en la mayor parte del mundo desarrollado, el inglés rápidamente arrebata a las personas el derecho a pensar por si mismas. Ello da lugar a una enajenación cultural y un empobrecimiento." Hablando sobre Nigeria y la India: "... la erradicación del inglés en esos dos países sería mucho más eficaz, ya que el inglés porta efectivamente los bacilos y los remedios de aquello que cuyo meollo es una esclavización mental". Esta vez Durand dirige su sugerencia solícita a ser más diligentes en la batalla contra el inglés a radicales islamista del norte de Nigeria y a los nacionalistas hindues, a los que él considera -como a los esperantistas- sus aliados políticos potenciales.
Ya no es de admirar el que Durand diestramente introduce en un lugar la noción de "preferencia nacional" para que el lector se identifique con ella. El Frente Nacional francés muy conscientemente e intencionadamente introdujo esta noción en el debate público de Francia, lo que Durand apenas puede ignorar.
Sería de mucha utilidad para la calidad política de los

Utilus tre al la politikaj kvalitoj de la okazontaj kongresaj debatoj, se oni sen inhiboj diskutus tute ĝenerale pri la usona imperiismo kaj ĝia ĵusa aventuro en Irako, ne malhelpite de ia ajn falsa "neŭtraleco", kiu ekskludas debatojn pri temoj de la vasta politiko, sed senkritike malfermas la pordon al funde naciismaj diskursoj de ĉi tiu speco, nur ĉar ili estas laŭpretende unuavice prilingvaj. Nur tia vast-etenda debato ebligos rekoni, kio estas prava kritiko kontraŭ imperlismo kaj kio ne. Nur ĝi ebligos sagace distingi inter kontraŭimperiismo kaj naciisme bazita kontraŭusonismo, respective etnoplurismo de la novdekstra tipo.

Cetere, ne estas mia celo proponi "bojkoton" de Durand aŭ aliaj en la nomo de ia "politika ĝusteco", kiel iuj povus riproci. Eblas ja auskulti starpunktojn pri lingvaj problemoj, kiuj venas el ĉiaj ajn politikaj anguloj. La vera problemo estas, ke la aranĝantoj de la programo de Universalaj Kongresoj kaj ankaŭ de aliaj renkontiĝoj inter anoj de Universala Esperanto Asocio kaj ekstermovadaj lingvo-aktivistoj evitas konatigi la esperantistan publikon kun la ĝenerala politika orientiĝo de tiuj honoraj gastoj, kiun ajn tiu orientiĝo estas ne fidinspira. En ĉi tiu kazo kiel pli frue en aliaj.

La fakto, ke Durand rekoneble apartenas al politika tendenco, kiu pienumas ĉarniran funkcion inter la ekstrema dekstrularo en la strikta senco kaj aliaj partoj de la politika spektro (inkluzive naciemajn kaj etnofiliajn maldekstrulojn) estas fakto, kiun oni prefere ne kaŝu en la spirito de "neŭtraleco". Male: scii pri tio absolute necesas por alveni al ĉiuflanka kaj klera pritakso pri iliaj tezoj.

Naciismo, el kiu haladzas la spirito de etna kaj intercivilizacia malfido kaj rivalado, estas laŭ mi neniam akceptebla, eĉ kiam ĝi ŝajnas unuavide oportuna instrumento por batali kontraŭ la imperiismo. La usona kaj brita imperiismoj radikas ideologie en la loĝantaroj de la koncemaj landoj per ĝuste tiu spirito de patriotisma fervoro kaj civilizacia orgojlo, kiun Durand volas ardigi -kun alia orientiĝo- ĉe aliaj.

Jen formo de diverseco, kiu estus ŝanco por Esperanto: pli malkaŝa konkurenco de politikaj ideoj ankaŭ en la publika, nacilingva informado pri Esperanto anstataŭ gurdado de progreseme sonantaj, sed funde reakciaj argumento-skemoj. En tiu senco la kolapso de la Brusela Komunikad-Centro, kiu tre emis argumenti laŭ la maniero de t.n. "lingvodefendantoj" kaj entute alcentrigis al si tro da funkcioj en la ekstera informado, ne estas lamentinda afero.

futuros debates congresuales que se discutiese sin reparos de una manera general sobre el imperialismo de los EE.UU. y su reciente aventura en Irak, sin dejarse trabar por una falsa "neutralidad" que excluya debates sobre temas políticos en amplitud, pero que acríticamente abra la puerta a discursos profundamente nacionalistas de esta especie, simplemente por que ante todo estén pretendidamente relacionados con el tema lingüístico. Sólo tal amplio debate permitiría reconocer lo que es una justa crítica contra el imperialismo y lo que no lo es. Sólo eso permitiría distinguir sagazmente entre anti-imperialismo y un nacionalismo de base antinorteamericana, respectivamente pluralismo étnico del tipo de la nueva derecha.

Por lo demás, ne es mi intención proponer un "boicot" a Durand u otros en nombre de una "ortodoxia política", como alguien podría reprochar. Claro que es posible escuchar distintos posicionamientos sobre los problemas lingüísticos, venidos de todos los ámbitos políticos. El verdadero problema es que los preparadores del programa de los Congresos Universalas y también de otros encuentros entre miembros de la Asociación Universal de Esperanto y activistas sobre las lenguas de fuera de nuestro movimiento, evitan dar a conocer al público esperantista la orientación general política de esos huéspedes de honor, cuando ocurra que esa orientación no inspira confianza. En este caso como en otros anteriormente.

El hecho de que Durand evidentemente pertenece a una tendencia política que cumple una función de bisagra entre la extrema derecha en sentido estricto y otras partes del espectro político (incluyendo izquierdistas nacionalizantes y etnófilos) es un hecho que es preferible no ocultar en el espíritu de "neutralidad". Al contrario: saber eso es absolutamente necesario para llegar a una valoración total y adecuada de sus tesis.

El nacionalismo, que apesta a espíritu de desconfianza y rivalidad étnica e intercultural, a mi parecer no es aceptable nunca, aún si a primera vista parece un instrumento oportuno para luchar contra el imperialismo. El imperialismo yanqui y británico radica ideológicamente en la población de ambos países justamente por medio de ese espíritu de fervor patriótico y orgullo cultural, que Durand quiere encender -con otra orientación- en otros.

He ahí una forma de diversidad, que sería una oportunidad para el Esperanto: una más notoria confrontación de ideas políticas también en la información pública, en lenguas nacionales sobre el Esperanto en vez de una sinfonía de esquemas de argumentación que suenan a progresistas pero que en el fondo son reaccionarios. En ese sentido el colapso del Centro de Comunicación de Bruselas, que con tanto afán argumentaba al estilo de los denominados "defensores de las lenguas" y concentraba demasiadas funciones sobre la información externa, no es de lamentar.

# KONGRESA REZOLUCIO



La 88-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninte en Gotenburgo, Svedujo, de la 26-a de julio ĝis la 2-a de aŭgusto 2003, en ĉeesto de 1800 personoj el 62 landoj, kaj traktinte la temon "Lingvaj rajtoj kaj respondecoj"

**atentigas** pri la pluraj iniciatoj kaj deklaroj de Universala Esperanto-Asocio en lastaj jaroj pri la konservado de lingva pluralismo ene de ŝtatoj kaj en la rilatoj inter ŝtatoj, kaj pri la rolo, kiun la Internacia Lingvo Esperanto povas ludi kiel efika kaj neŭtrala ponto inter la diversaj lingvoj;

**notas** en tiu rilato ekzemple la Manifeston de Prago (1996) pri lingva demokratio, kaj rezoluciojn de Universalaj Kongresoj de Esperanto en Zagreb, Kroatio (2001), kaj Fortaleza, Brazilo (2002);

**konstatas,**

- ke lingvoj plenumas fundamentan rolon en homaj socioj ne nur kiel iloj de komunikado sed ankaŭ kiel manieroj por esprimi sian identecon;

- ke lingva diverseco representas unu el la grandaj riĉaĵoj de la homa kulturo kaj estas konservenda en la kunteksto de demokratia lingvopolitiko, kaj ke tia politiko ankaŭ liveras la lingvajn rimedojn ne nur por komunikado ene de socioj, sed ankaŭ inter la socioj;

- ke lingvaj rajtoj -nome tiuj rajtoj, kiuj rilatas al la kontentigo de komunikbezonoj kaj la esprimado de identeco en plurlingvaj situacioj- estas esenca sed tro ofte neglektata elemento en la fundamentaj homaj rajtoj;

- ke la realigo de lingvaj rajtoj estas afero ne nur jura sed ankaŭ morala, en kiu ĉiu havas respondecon partopreni;

# RESOLUCIÓN CONGRESUAL

El 88º Congreso Universal de Esperanto, reunido en Gotemburgo, Suecia, del 26 de julio al 2 de agosto del 2003, con la asistencia de 1800 personas de 62 países, y habiendo tratado el tema "Derechos y deberes lingüísticos"

**llama la atención** sobre las diversas iniciativas y declaraciones de la Asociación Universal de Esperanto en últimos años acerca de la conservación del pluralismo lingüístico dentro de los Estados y en las relaciones entre Estados, y del papel que la Lengua Internacional Esperanto puede jugar como un puente eficaz y neutral entre los diversos idiomas;

**apunta** como ejemplo en relación con eso el Manifiesto de Praga (1996) sobre democracia lingüística, y resoluciones de los Congresos Universales de Esperanto en Zagreb, Croacia (2001), y Fortaleza, Brasil (2002);

**constata,**

- que los idiomas juegan un papel fundamental en las sociedades humanas no sólo como instrumentos de comunicación sinó también como maneras de expresar su identidad;

- que la diversidad lingüística representa una de las grandes riquezas de la cultura humana y debe ser conservada en el contexto de una política lingüística democrática, y que taa política proporciona también los recursos lingüísticos no sólo para la comunicación dentro de las sociedades, sino también entre las sociedades;

- que los derechos lingüísticos -o sea aquellos derechos que tienen relación con la satisfación de las necesidades de comunicación y la expresión de la identidad en situaciones de concurrencia de varias lenguas- es un elemento esencial pero muy a menudo destendido en los derechos humanos fundamentales;

- que la realización de los derechos lingüísticos es un asunto no sólo jurídico sino también moral, en el que todos tienen el deber de participar;

- ke tiuj rajtoj aplikiĝas, aŭ devus aplikiĝi, je ĉiuj niveloj de la homa socio, ekde la rajtoj de individuoj tra la protektado de lingvaj malplimultoj ĝis lingva egaleco en la rilatoj inter ŝtatoj;

- ke la principoj de egalrajteco kaj de demokratia komunikado postulas konservadon de la lingva diverseco en multlingvaj komunumoj, en la kadro de egaleca kaj klara lingvopolitiko, ĉar tio ebligas maksimuman socian partoprenon de ĉiuj civitanoj;

- ke manko de klara kaj aktiva lingvopolitiko malfermas la vojon al lingva dominado kaj hegemonio;

- ke eblas konservi lingvan diversecon, precipe en interŝtataj rilatoj, nur per aktiva lingvopolitiko cele al realigo de neŭtrala multlingvismo, en kiu neniu lingvo havas dominan rolon;

**atentigas** pri la multjaraj spertoj de la Esperantlingva komunumo kiel modelo de egalrajta komunikado en multlingva socio kaj pri la preteco de tiu lingvo por ludi multe pli aktivan rolon kiel pontolingvo en la rilatoj inter ŝtatoj kaj en multilingvaj sistemoj de komunikado,

**petas** la diversajn Esperanto-organizaĵojn, je internacia, nacia kaj loka niveloj, kunlabori en sistema klopodo atentigi pri la kvalitoj de la Internacia Lingvo Esperanto, kaj konservi kaj evoluigi la lingvon tiel ke ĝi plej bone ludu sian rolon kiel transponta lingvo en multlingvaj situacioj,

**kaj alvokas** al ĉiuj internaciaj organizaĵoj registaraj kaj neregistaraj, al registaroj kaj aliaj instancoj, al fakuloj kaj sciencaj organizaĵoj, kaj al ĉiuj civitanoj, kiuj deziras konservi kaj fortigi lingvan egalecon je ĉiuj niveloj, pli profunde esplori la kapablojn kaj atingojn de la Internacia Lingvo Esperanto en la rilatoj inter lingvoj kaj popoloj ĉie en la mondo kaj apliki ties lingvajn rimedojn.

- que esos derechos se aplican, o deberían aplicarse, a todos los niveloj de la sociedad humana, desde los derechos individuales, pasando por la protección de las minorías lingüísticas y hasta la igualdad lingüística en las relaciones entre Estados;

- que los principios de igualdad de derechos y de comunicación democrática requieren la conservación de la diversidad lingüística en las comunidades multilingüísticas, en el marco de una política lingüística igualitaria y clara, ya que eso posibilita la máxima participación social de todos los ciudadanos;

- que la falta de una política lingüística clara y activa abre el camino a la dominación y hegemonía lingüística;

- que es posible conservar la diversidad lingüística, principalmente en las relaciones interestatales, solamente por medio de una política lingüística activa que persiga la realización de un multilingüismo neutral, en el que ningún idioma tenga un papel dominante;

**llama la atención** sobre la experiencia de muchos años de la comunidad Esperantoparlante como modelo de comunicación igualitaria en una sociedad multilingüística y sobre la disposición de ese idioma para desempeñar un papel mucho más activo como lengua puente en las relaciones entre Estados y en los sistemas de comunicación multilingüísticos,

**pide** a las diversas organizaciones de Esperanto, a nivel internacional, nacional y local, colaborar en un intento sistemático para llamar la atención sobre las cualidades de la Lengua Internacional Esperanto, y conservar y hacer evolucionar el idioma de manera que pueda jugar mejor su papel como legua puente en las situaciones de gran diversidad lingüística,

**y hace una llamada** a todas la organizaciones internacionales gubernamentales y no gubernamentales, a los gobiernosy a otras instancias, a los especialistas y organizaciones científicas, y a todos los ciudadanos, que desean conservar y fortalecer la igualdad lingüística a todos los niveles, que investiguen más profundamente las capacidades y logros de la Lengua Internacional Esperanto en las relaciones entre lenguas y pueblos en todas partes en el mundo y apliquen sus recursos lingüísticos.



Fernando de Diego

# Granda Vortaro Hispana-Esperanta

# Gran Diccionario Español-Esperanto

KUNORDIGIS - COORDINADOR
**Antonio Valén Fernández**

REVIZIIS - EQUIPO DE REVISIÓN
**Hèctor Alòs i Font • Jorge Camacho Cordón**
**Miguel Fernández Martín • Miguel Gutiérrez Adúriz**

Kadre de la Landa Esperanto Kongreso, okazinta en Valencio del 20 al 22 de Julio, estis prezentita la longe atendita vortaro Hispana-Esperanta de Fernando de Diego. Ĝi estas iu granda, ampleksa, vortaro kiu tre multe pretersuperas ĉion antaŭe eldonitan pri tiu materio en la hispan-parolanta mondo. En la enkonduko de la verko, ties aŭtoro diras ke... *La esto-kialo de tiu ĉi vortaro baziĝas en la neceso solvi la malgrandecon de la leksikografia enhavo kaj la leksikologian malriĉecon de la terminaroj hispana-esperanta publikigitaj laŭlonge de la pasinta jarcento.*
Ja, estis perceptita la manko je tiutipa lernilo en la taskoj de rekta verkado en Esperanto kaj en la tradukado al Esperanto ekde nia lingvo.
En ĉi-tiu vortaro, en la pritraktado de ĉiu vorto, ĉi tiu ne estas konsiderata kiel aparta ento kun ties diversaj signifoj, sed ankaŭ, kaj ĉefe, kiam la vorto partoprenas en popularaj esprimoj, elfaritaj frazoj, metaforoj, modismoj, refrenoj... tio estas, ĉiuj frazaranĝoj kies traduko al Esperanto postulas,

Con ocasión del Congreso Nacional de Esperanto, que tuvo lugar en Valencia del 20 al 22 de Julio, se puso a la venta el largamente esperado diccionario Español-Esperanto de Fernando de Diego. Se trata de un gran, voluminoso, diccionario que supera con mucho todo lo que se había editado sobre esta materia en el ámbito de habla española. En el prefacio de la obra, su autor dice que... *La razón de ser de este diccionario se basa en la necesidad de remediar la poca consistencia lexicográfica y la pobreza lexicológica de los vocabularios de español-esperanto que se fueron publicando a lo largo del pasado siglo.*
En efecto, se echaba en falta un manual de este tipo a la hora de escribir directamente en Esperanto o en la traducción al Esperanto desde nuestra lengua.
En este diccionario, en el tratamiento de cada palabra, no se la contempla como ente aislado con sus diversas acepciones, sino también, y muy especialmente, cuando forma parte de expresiones populares, frases hechas, metáforas, modismos, refranes... o sea, todos aquellos giros cuya versión al Esperanto exige,

ĝenerale, ne iu laŭlitera tradukaĵo de la teksto sed de ties subkuŝanta signifo. La tradukantoj de hispanlingvaj verkoj al Esperanto, aŭ eĉ tiuj, kiuj nur volis iam verki ion en tiu lingvo, verŝajne troviĝis antaŭ la malfacilaĵo pasigi al Esperanto la sencon de esprimoj aŭ faritaj frazoj kies laŭlitera traduko ne komunikus al fremda leganto la ideon kiun oni volis respeguli. Esprimoj kiaj: ***skandalgazetoj; teni ĉiujn fadenojn en sia mano; ĝis la kolo; pafi sin for; donacoj ĉiam estas bonvenaj; troigi; mol-kora; ne povi tragorĝi iun; montri ne malmulte da mankoj; ŝtipkapa; telekomandilo; teni sin al la temo...***

Kun tiu ĉi Granda VortaroHispana-Esperanta restas plene solvita tia problemaro.

La aŭtoro, Fernando de Diego, estas ĵurnalisto kaj filologo, aŭtoro de eseoj pri la arto de la tradukado kaj la literatura kritiko. Inter sia verkaro estas iu grava kurso de Esperanto: **Nova metodo de esperanto por lernejoj kaj memlernantoj** (jaro 1982). Li havas ankaŭ longan sperton kiel tradukisto de verkoj de la hispana lingvo al Esperanto, inter ili: **La familio de Pascual Duarte**, don **Quiĥoto**... kaj la libro de mallongaj asturiaj tekstoj (**Astura Bukedo**) eldonita de nia E-Grupo en la jaro 1987, kaj ankaŭ tradukado de verkoj en la galicia lingvo, la franca kaj la angla. En la ellaborado de la recenzata vortaro kunlaboris diversmaniere kun la aŭtoro kvin esperantistoj tre kompetentaj: Antonio Valén, kiu alprenis, inter aliaj taskoj, tiuj de enkonduki en la vortaron la personajn kaj lokajn nomojn; Miguel Fernández, Miguel Gutiérrez Adúriz, Jorge Camacho kaj Hèctor Alòs.

por lo general, no una traducción literal del texto sino de su significado subyacente. Los traductores de obras en español al Esperanto, o simplemente los que alguna vez quisieron escribir algo en ese idioma, seguramente se encontraron en la dificultad de verter al Esperanto el sentido de expresiones o frases hechas cuya traducción literal no transmitiría al lector extranjero la idea que se intentaba reflejar. Expresiones como: ***prensa amarilla; manejar el tinglado; hasta las cachas; salir zumbando; a nadie le amarga un dulce; recargar las tintas; blando de corazón; tener a uno entre ceja y ceja; dejar bastante que desear; cerrado de mollera; mando a distancia; ceñirse al tema...***

Con este Gran Diccionario Español-Esperanto queda plenamente resuelta esa problemática.

El autor, Fernando de Diego, es periodista y filólogo, autor de ensayos sobre el arte de traducir y la crítica literaria. Entre sus obras figura un importante curso de Esperanto: **Nuevo método de esperanto para clases y autodidactas** (1982). También tiene una larga ejecutoria como traductor de obras del español al Esperanto, entre ellas: **La familia de Pascual Duarte**, el **Quijote**... y el libro de textos cortos asturianos (**Astura Bukedo**) editado por nuestro Grupo en 1987, y también traducción de obras en gallego, francés e inglés. En la elaboración del diccionario que reseñamos colaboraron de diversa manera con el autor cinco esperantistas muy competentes: Antonio Valén, quien tomó a su cargo, entre otras tareas, la de incorporar al diccionario los nombres propios de personas y lugares; Miguel Fernández, Miguel Gutiérrez Adúriz, Jorge Camacho y Hèctor Alòs.

**ceñir** strikti: *esta cintura no me ciñe bien,* ĉi talio ne bone striktas al mi ◆ kroni *(con flores): ceñir la frente de rosas,* kroni la frunton per rozoj ◆ ĉirkaŭi: *el mar ciñe la isla,* la maro ĉirkaŭas la insulon ◆ kadri: *cabellos negros que ciñen un rostro,* nigraj haroj, kiuj kadras vizaĝon ◆ kaptoteni je la zono: *ceñir a un adversario,* kaptoteni malamikon je la zono ◆ zoni: *ceñir espada,* zoni glavon ◆ mallongigi, resumi *(una narración)* ◆ **~se** moderigi, redukti, limigi: *tenemos que ceñirnos en los gastos,* ni devas moderigi niajn elspezojn ◆ teni sin: *ceñirse al tema,* teni sin al la temo ◆ *ceñirse a la derecha,* teni sin dekstre; ĉe la dekstra flanko ◆ adaptiĝi: *hay que ceñirse al reglamento de la universidad,* oni devas adaptiĝi al la universitataj reguloj *(reglamento)* ◆ alĝustiĝi: *este traje se ciñe al cuerpo,* ĉi vesto alĝustiĝas al la korpo ◆ *ceñirse a la curva,* firme preni la ĝirejon *(en una carrera)* ◆ *ceñirse a un modesto salario,* vivteni sin per modesta salajro ◆ *ceñirse la espada,* zoni al si la glavon.

# La Esperantista Movado en Hispanio

Ĉi-jare, de la 14a al la 19a de julio, okazis en Valencio la 62a Hispana Kongreso de Esperanto. Ĝi estis la unua akto de tutjara kampanjo por festi la Centjaron de la Esperantista movado en Hispanio, kiu kulminos per la okazigo de la 63a Hispana Kongreso kaj la 6a Esperantista Kongreso de la Eŭropa Unio, en Bilbao, de la 25a ĝis la 29a de aŭgusto de la venonta jaro.

Ja, en la jaro 1903 Esperanto komencis esti akceptata en kelkaj medioj de nia lando interesataj pri la homa interkompreniĝo. La unuaj esperantistaj asocioj de Hispanio estis fonditaj en Valencio kaj Murcio. Nia gijona grupo, **Astura Esperanto Asocio**, estis kreita kelkajn jarojn poste, en la jaro 1909, do, post ses jarojn estos la centjaro de Esperanto en Gijon kaj Asturio. Tiu gijona grupo estis enkadrigita en iu iama institucio nomata "Katolika Centro". Poste formiĝis dua esperantista grupo en nia urbo enkadrigita en iu laborista ateneo.

La unua land-nivela esperantista organizaĵo estis fondita por kunordigi la agadon de la unuopaj geesperantistoj kaj de la grupoj kiuj iom-postiom formiĝis diversloke en la lando. Ĝia nomo estis: **Hispana Societo por la Propagando de Esperanto.** Ĝia presorgano estis la revuo nomata: **La Suno Hispana.** Tiu asocio daŭris kaj funkciis ĝis la hispana civil-milito. Tiam, kaj sekve de la rezulto de tiu milito, malaperis tiu asocio kaj preskaŭ ĉiuj esperantistaj grupoj de Hispanio, inter ili la du menciitaj de Gijon.

Dum pli ol jardeko post la menciita milito, estis ne-permesita la esperantista movado. Komprenеble, oni ne persekutis la geesperantistojn, sed ne eblis la instruado de la internacia lingvo. Iompost-iom renaskiĝis nia movado. Dum la jaroj de la kvina jardeko refondiĝis multaj Esperanto-grupoj kaj aperis aliaj novaj. Land-skale kreiĝis nova organizo, la nuna **Hispana Esperanto-Federacio.** En nia urbo la antikvaj esperantistoj aliĝis en grupo nomata "Jovellanos" kadre la Ateneo de la sama nomo. Post la demokratiiĝo de la lando, ni reakiris la antikvan nomon de **Astura Esperanto Asocio** kaj agadas de tiam ene de la Universitata Katedro **Jovellanos.**

Por la festado de la menciita Centjaro de nia landa esperantista movado, la estraro de Hispana Esperanto Federacio ellaboris agadplanon inter kies elementoj troviĝas la celo diskonigi la movadon en la eksteraj medioj, ĉefe ĵurnalistaj kaj historiaj. Rilate al la ekstera informado gravas ri-

# El Movimiento Esperantista en España

Este año, del 14 al la 19 de Julio, tuvo lugar en Valencia el 62º Congreso Español de Esperanto. Fue el primer acto de una campaña de todo un año para celebrar el Centenario del movimiento esperantista en España, que culminará por el 63º Congreso Español y 6º Congreso Esperantista de la Unión Europea, que tendrá lugar en Bilbao, del 25 al 29 de Agosto del año próximo.

En efecto, en el año 1903 el Esperanto comenzó a ser aceptado en algunos sectores de nuestro país interesados en la comprensión humana. Las primeras asociaciones esperantistaj de España fueron fundadas en Valencia y Murcia. Nuestro grupo de Gijón, La **Asociación Asturiana de Esperanto**, fue creado algunos años después, en el año 1909, o sea que dentro de seis años será el centenario del Esperanto en Gijón y Asturias. Ese grupo gijonés estaba encuadrado en una institución que existía entonces y que se llamaba "Centro Católico". Después se formó un segundo grupo esperantista en nuestra ciudad, encuadrado en un ateneo obrero.

La primera organización esperantista a nivel nacional fue fundada para coordinar la actividad de los esperantistas aislados y de los grupos que poco a poco se iban formando en el país. Su nombre era: **Compañía Española para la Propaganda del Esperanto.** Su órgano de prensa era la revista de nombre: **El Sol Español.** Esa asociación persistió y funcionó hasta la guerra civil española. Entonces, y a consecuencia del resultado de esa guerra, desapareció esa asociación y casi todos los grupos esperantistas de España, entre ellos los dos mencionados de Gijón.

Durante más de un década después de la mencionada guerra, no estuvo permitido el movimiento esperantista. Por supuesto, no se perseguía a los esperantistas, pero no era posible la enseñanza de la lengua internacional. Poco a poco renació nuestro movimiento. Durante los años cincuenta se refundaron muchos grupos de Esperanto y aparecieron otros nuevos. A nivel nacional se creó una nueva organización, la actual **Federación Española de Esperanto.** En nuestra ciudad los antiguos esperantistas se organizaron en un grupo llamado "Jovellanos" encuadrado en el Ateneo del mismo nombre. Tras la democratización del país, recuperamos el antiguo nombre de **Asociación Asturiana de Esperanto** y actuamos desde entonces dentro de la Cátedra **Jovellanos** de Extensión Universitaria.

Para la celebración del mencionado Centenario del movimiento esperantista de nuestro país, la dirección de la Federación Española de Esperanto elaboró un plan de acción entre cuyos elementos se encuentra el objetivo de difundir el movimiento en los medios externos, principalmente periodísticos e historiográficos. En lo que res-

marki la vivantecon de la esperantismo; nia historio ne pravigas ian kliŝon aŭ skemon laŭ kiu nia movado, iam vigla kaj grava, formortis aŭ vegetas.
Oni programis ankaŭ informadon interne de la movado, ekzemple per la diskonigo de la historio de la hispana esperantismo. Ne ĉiuj geesperantistoj de nia lando konas la historion de nia movado, eĉ ne oni povas diri ke tiu historio estas tute verkita, fakte iu el la taskoj kiun oni volas pliintensigi okaze de la celebrado de la Centjaro estas la plukolektado de dokumentaro pri tiu esperantista historio. La publikigita materialo ekzistanta nuntempe pri tiu temo estas la verko de Antonio Marco Botella: **Analoj de la Esperantista Movado en Hispanio.** Ĉi tiu verko ekzistas nur en Esperanto kaj oni pretendas ke ĝia enhavo estu alirebla ankaŭ al la ne-esperantista publiko kaj la inform-medioj.
Ni konscias pri tio ke historio de homa kolektivo kia nia esperantista movado riskas esti teda kaj senemocia por la legantoj. Krome, se la priskribo de tiu historio havas formon de analoj, tio estas, raporto de la okazintaĵoj jar-post-jare, la verko ŝajnas kondamnita resti priskribo de kongresoj, elektado de asociaj komitatoj, kreado de novaj asocioj, malapero de iuj grupoj, eldonado de verkoj en Esperanto, okazigo de kursoj pri la Internacia Lingvo... kaj similaj eventoj normalaj en tiaspeca movado, sed sen intereso por la ekstera publiko.
El ĉio ĉi ja troviĝas en la menciitaj "Analoj" de la hispana esperantista movado, sed estas ankaŭ sufiĉe da materialo kiu respegulas ian formon de batalo aŭ interfrontiĝo de idealisma homamaso plene konsciigita pri tiu grava problemo de nia socio -la lingva problemo kaj ĉio konekse kun ĝi- kontraŭ malfavoraj cirkonstancoj kaj la fortoj interesitaj klopodi ke ĉio restu sensanĝa en tiu tereno kaj en aliaj.
Kiam la esperantisma movado de nia lando eniras en la duan jarcenton de sia historio daŭre estas antaŭ ni obstinaj baroj kiuj ĝenas nian marŝadon al nia celo, sed estas ankaŭ novaj ŝancoj kaj eblecoj. Kune kun la esperantistaro de aliaj landoj de Eŭropa Unio, ni ĝuos la eblecojn kiujn havigos al ni la eŭropan kadron. Eŭropa Unio bezonas, por esti si mem kaj signifi ion konkure kun aliaj kulturaj kaj ekonomiaj blokoj en la mondo, viglan komunikad-instrumenton, komunan lingvon, neŭtralan kaj facilan. La ilo estas preta kaj nomiĝas Esperanto. Por akcepti kaj alpreni tiun racian solvon oni ne devas atendi kroman jarcenton. La komenciĝanta 21a jercento devas pli racia, saĝa kaj paca ol la 20a.

pecta a la información externa es preciso subrayar la vitalidad del esperantismo; nuestra historia no se atiene a cierto cliché o esquema según el cual nuestro movimiento, que llegó a ser vigoroso e importante, feneció o está vegetando.
Se programó también información dentro del movimiento, por ejemplo por la difusión de la historia del esperantismo español. No todos los esperantistas de nuestro país conocen la historia de nuestro movimiento, incluso no se puede decir que esa historia está totalmente escrita, de hecho una de las tareas que se quieren intensificar con ocasión de la celebración del Centenario es la recopilación de documentos sobre esa historia del esperantismo. El material publicado actualmente existente sobre ese tema es la obra de Antonio Marco Botella: **Anales del Movimiento Esperantista en España.** Esta obra existe sólo en Esperanto y se pretende que su contenido sea accesible también al público no esperantista y los medios de información.
Somos conscientes de que la historia de un colectivo humano como nuestro movimiento esperantista corre el riesgo de ser aburrida y sin emoción para los lectores. Además, si la descripción de esa historia tiene forma de anales, es decir, una narración de los hechos año tras año, la obra parece condenada a quedar en una descripción de congresos, elección de comités de asociaciones, creación de nuevas asociaciones, desaparición de algunos grupos, edición de libros en Esperanto, organización de curso sobre la Lengua Internacional... y demás sucesos similares, normales en un movimiento de ese tipo, pero sin interés para el público de fuera.
De todo eso se encuentra en los mencionados "Anales" del movimiento esperantista español, pero hay también bastante material que refleja alguna forma de lucha o enfrentamiento de una masa humana idealista plenamente concienciada sobre ese importante problema de nuestra sociedad -el problema lingüístico y todo lo relacionado con él- contra unas circunstancias desfavorables y las fuerzas interesadas en procurar que todo quede sin cambios en ese terreno y en otros.
Cuando el movimiento esperantista de nuestro país entra en el segundo siglo de su historia siguen estando ante nosotros los obstinados obstáculos que entorpecen el avance a nuestro objetivo, pero hay también nuevas bazas y oportunidades. Junto con el esperantismo de otros países de la Unión Europea, nos beneficiaremos de las posibilidades que nos proporcionará el marco europeo. La Unión Europea necesita, para ser ella misma y para significar algo en la competencia con otros bloques económicos y culturales del mundo, un ágil instrumento de comunicación, una lengua común, neutral y fácil. El instrumento está preparado y se llama Esperanto. Para aceptar y asumir esa solución racional no se debe esperar otro siglo más. El siglo XXI que comienza debe ser más racional, más sabio y pacífico que el XX.

# LA PLEJ GRANDA ESPERANTO-KATALOGO EN LA INTERRETO:

## TROVANTO

La Internacia Esperanto-Muzeo (IEM), fondita en 1927, posedas la plej ampleksan plene funkciantan Esperanto-bibliotekon de la mondo. Ties havajo estas katalogita en la elektronika datenbanko TROVANTO.

En ĝi troviĝas jam pli ol 30.000 bibliografiaj indikoj pri libroj, broŝuroj, eksterkomercaj publikigaĵoj (la tiel nomata "griza literaturo"), manuskriptoj, aŭd- kaj vidkasedoj, kompaktdiskoj, sciencaj artikoloj en libroj ktp. En la dua ŝtupo de la ellaborado eniros iom post iom la proksimume 2.200 titoloj de la revuoj troviĝantaj en IEM.

La dokumentoj estas serĉeblaj laŭ jenaj kriterio: aŭtoroj, titoloj, titolvortoj, temoj, eldonejoj, eldonlokoj kaj -jaroj.

Financas la prizorgadon de TROVANTO la Aŭstria Nacia Biblioteko. Vi trovas ĝin tra la hejmpago de la Internacia Esperanto-Muzeo:

# EL MAYOR CATALOGO DE ESPERANTO EN INTERNET:

## TROVANTO

El Museo Internacional de Esperanto (IEM), fundado en 1927, posee la más amplia biblioteca de Esperanto del mundo en pleno funcionamiento. Su contenido está catalogado en la base de datos electrónica TROVANTO.

En ella se encuentran ya más de 30.000 indicaciones bibliográficas sobre libros, folletos, publicaciones no comerciales (las conocidas como "literatura gris"), manuscritos, casettes de audio y vídeo, campact-discos, artículos científicos en libros etc. En la segunda etapa de la elaboración entrarán poco a poco los cerca de 2.200 títulos de las revistas que se hallan en IEM.

Los documentos se pueden buscar según los siguientes criterios: autores, títulos, palabras de los títulos, temas, editoriales, lugares de edición y -años.

Financia el mantenimiento de TROVANTO la Biblioteca Nacional Austríaca. Puedes encontrarla la página WEB del Museo Internacional de Esperanto:

http://www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/eo/index.htm

Se vi volas esti regule informata pri la evoluo de TROVANTO aŭ havas demandojn, bonvolu skribi al: **plansprachen@onb.ac.at**

Si quieres estar regularmente informado acerca de la evolución de TROVANTO o tienes preguntas, escribe a: **plansprachen@onb.ac.at**

# Kuirante kun Pilar



# Cocinando con Pilar

## PRUN-KREMO

### ingrediencoj

- Duon-kilo da nigraj prunoj
- 6 kuleretoj da densigita lakto
- 250 gramoj da batita lakt-kremo
- Unu citrono
- Ŝpruceto da Cointreau-likvoro

### ellaborado

**Oni senkernigu la prunojn, zorge purigu ilin kaj mueli ilin per kirlilo aŭ Termomiks-kuir-roboto.**
**Oni miksu kun ĉi pureo la densigitan lakton, la citron-sukon kaj la ŝpruceton da likvoro.**
**Oni aldonu la batitan lakt-kremon per envolvanta agit-movado cele de ke ne malpliiĝu la volumo.**
**Oni Verŝu la mason en pokalojn kaj enmetu ilin en fridujon ĝis la momento servi ilin.**
**Oni dekoraciu ilin per pecetoj da pruno.**

## CREMA DE CIRUELAS

### ingredientes

- Medio kilo de ciruelas negras
- 6 cucharadas de leche condensada
- 250 gramos de nata montada
- Un limón
- Un chorrito de Cointreau

### elaboración

Deshuesar las ciruelas, limpiarlas bien y pasarlas por la batidora o Thermomix.
Mezclar con este puré la leche condensada, el zumo de limón y el chorrito de licor.
Incorporar la nata montada con movimientos envolventes para que no pierda volumen.
Verter la masa en copas individuales y meter en frigorífico hasta la hora de servirlo.
Decorar con trocitos de ciruela.

# Sen novaĵoj pri Dio

# Sin noticias de Dios

*verkis:* pastro **Bonifacio Sánchez**
*esperantigis:* **Santiago Mulas** *tradujo del español*

Multfoje ni demandas nin, kial Dio ne parolas, kaj Li ne respondas. Kial antaŭ tiom da krimoj, militoj, malsategoj, tiom da maljustecoj Dio ne parolas, Dio ne respondas, Dio restas silenta?

Antikva norvega legendo temas pri ia Haakon, kiu zorgis pri ermitejo. En la ermitejo estis tre antikva kruco. Iam la ermito Haakon surgenuiĝis antaŭ la kruco kaj diris: «Sinjoro, mi volas suferi anstataŭ Vi. Permesu ke mi okupu Vian lokon en la kruco». La Kristo respondis: «Mi konsentas pri via deziro, sed nur kondiĉe ke, kio ajn okazos kaj kion ajn vi vidos, vi devas silenti».

Kaj efektiviĝis la interŝanĝo.

Iutage alvenis riĉulo. Post lia preĝado restis tie forgesita lia monujo. Haakon silentis. Li ankaŭ ne diris ion kiam almozulo, kiu venis poste, alpropriĝis al si la monujon, kiu estis forgesita de la riĉulo. Poste alvenis knabo, kiu estis preta entrepreni longan perŝipan vojaĝon. En ĉi tiu momento revenis la riĉulo serĉante lian monujon. Sed ne trovante ĝin kaj vidante la knabon impete kaj kolere atakis lin, postulante de li sian monujon. Tiam Haakon kriis: «Ĉesu! Tiu junulo ne rabis vian monujon». Aŭdinte la riĉulo tiujn vortojn devenintajn el la kruco, fuĝis hontigita.

Kiam la ermitejo restis sola, Kristo adresiĝis al la ermito kaj diris al li: «Deiru de la kruco. Vi ne taŭgas por anstataŭi min. Vi ne estis sciinta, ke al la riĉulo estis konvena perdi sian monujon. En ĝi li estis portanta la prezon de plenumota murdo. Al la almozulo plene estis necesa tiu mono. La knabo, kiu estis frapota, ne povus realigi sian vojaĝon, en kiu li perdus sian vivon. Pro tio mi silentadas».

Ĉu en ĉi tiu legendo Dio ne respondis? Aŭ, ĉu okazas tio, ke ni ne aŭdas Sian voĉon? Ni ne forgesu ke Dio skribas rekte sur malrektaj linioj.

Muchas veces nos preguntamos por qué razón Dios no habla, no contesta. ¿Por qué razón ante tantos crímenes, guerras, hambrunas, tantas injusticias Dios no habla, Dios no contesta, Dios se queda callado?

Una antigua leyenda noruega nos habla de Haakon, que cuidaba una ermita. En la ermita había una cruz muy antigua. Un día el ermitaño Haakon se arrodilló ante la cruz y dijo: «Señor, quiero padecer por ti. Déjame ocupar tu puesto». El Cristo contestó: «Accedo a tu deseo, pero con la condición de que, suceda lo que suceda y veas lo que veas, has de guardar silencio».

Y se efectuó el cambio.

Un día llegó un rico. Después de rezar dejó allí olvidada su cartera. Haakon calló. Tampoco dijo nada cuando un pobre que llegó después se apropió de la cartera que había olvidado el rico. Luego llegó un muchacho que iba a emprender un largo viaje en barco. En ese momento volvió el rico en busca de su cartera. Al no encontrar la cartera y ver al muchacho arremetió contra él furioso, exigiéndole su cartera. Entonces Haakon gritó: «¡Detente! Ese joven no te ha robado la cartera». El rico al oir esas palabras que salían de la cruz, huyó avergonzado.

Cuando la ermita quedó a solas, Cristo se dirigió al ermitaño y le dijo: «Baja de la cruz. No sirves para ocupar mi puesto. Tu no sabías que al rico le convenía perder la cartera. En ella llevaba el precio de un asesinato que se iba a cometer. El pobre tenía completa necesidad de ese dinero. El muchacho que iba a ser golpeado no podría realizar su viaje en el que perdería la vida. Por eso yo guardo silencio».

¿No respondió Dios en esta leyenda? O, ¿no será que no oímos su voz? No olvidemos que Dios escribe derecho en renglones torcidos.








# La Rido Junigas













Hasta ahora, bien...




Entrar es fácil...




Son inevitables unos pequeños daños colaterales...




La guerra es un paraíso...
¡La postguerra es un infierno!




¿Dónde habrá metido Sadam las armas de destrucción masiva?










## Construyendo la democracia iraquí.

**Trafika Kontrolo**

- Mi vidas ke vi multe drinkis! Konstatas policisto apud la haltigita aŭto.
- Tute ne! Neniom, estu certa!
- Do tiam blovu iom en tiun tubeton!
- Ĉu en la dekstran aŭ en la maldekstran ...?

**Control de trafico**

- ¡Veo que Ud. bebió mucho! Constata el policía junto al auto detenido.
- ¡De eso nada! ¡Nada, este seguro!
- ¡Bien, entonces sople un poco en este tubito!
- ¿En el derecho o en el izquierdo?

**Kiaj Tempoj**

**¡Que Tiempos!**



- Kiaj tempoj, kiaj tempoj! Malpi da entombigoj al ni, apenaŭ da geedziĝoj...
- Jes, jes- kaj se ni ne vizitus foje-foje nian ŝafaron, eĉ neniaj baptoj...

-¡Que tiempos, que tiempos! Menos entierros, apenas bodas...
-Si, si- y si no visitaramos de vez en cuando nuestro rebaño, hasta ningun bautizo.

**Kameleco**

Juna pasaĝero fikse rigardas la kontraŭe sidantan belan fraŭlinon.-
- Kiel belan puloveron vi portas- li komencas la atakon.
- Ja, ĝi fariĝis el vera kamela lano- ŝi fieras.
-Nu, tion mi tuj rimarkis, vidinte la "ĝibojn".-

**De camello**

Un joven pasajero mira fijamente a la bella joven sentada frente a él.-
- ¡Que bello jersej lleva Ud.! Él da comienzo al ataque...
-Ciertamente, esta hecho de verdadera lana de camello- dice ella orgullosa.
-Bueno, eso yo en seguida note, viendo las "jorobas"

Kompilanto: Sa-Mu-Ga

Recopilador: Santiago Mulas Gallego

Esperanto

unuigos la homaron

**Al niaj geamikoj ni deziras feliĉan Kristnasko-feston kaj prosperan, feliĉan kaj pacan novan jaron 2004.**



**Deseamos a nuestros amigos una feliz Navidad y que el nuevo año 2004 les traiga felicidad, paz y prosperidad.**

